# Kara leganto

Ĉu vi rimarkis la forpason de la unua jaro de nia vivo? Certe, ĉar en tiu jaro estis la plej granda el la iam ajn ekzistantaj krizoj de la mondekonomio. Ĝi multe malfaciligis certe ankaŭ vian vivon kaj multfoje vi pensadis pri la redukto de viaj elspezoj. Tamen vi restis fidela al *via* gazeto, al *via* entrepreno kaj helpis realigi niajn esperojn, niajn klopodojn por la bono de la Esperanta literaturo. Vi estas, kiu instigis nin, donis konsilojn, kies entuziasmaj kaj aprobaj leteroj intensigis nian volon, pligrandigis niajn fortostreĉojn, por plenumi ĉion, kion ni promesis. Kaj vi estas, kiu ebligas al ni ekstari memkonscie antaŭ vi kaj antaŭ ĉiuj amikoj, kun la firma kredo, ke ni laboris malbone en la jus pasinta jaro. Memoru niajn unuajn cirkulerojn kaj komparu niajn planojn kun la plenumoj. Ni fieras, ke ni sukcesis eldoni nian revuon konstante sur 24 paĝoj malgraŭ la eksterordinaraj cirkonstancoj, ni fieras, ke ni sukcesis eldoni la projektitajn librojn, sed nia plej granda fiero devas esti, ke ni rekonis la literaturemon de la esperantistaro, firme kredante, ke bonaj kaj belaj libroj ĉiam kaj ĉie trovos aĉetantojn. Sed ĉiun ĉi fieron, ĉiujn ĉi sukcesojn ni dankas sole al vi. Kiomfoje ni legis viajn saĝajn sugestojn kaj kiom ni ĝojis, vidante, ke vi partoprenas niajn zorgojn kaj klopodojn por perfektigi nian revuon! Kelkaj el vi opinias, ke jam venis la tempo eldoni en Esperanto grandan ne nur literatur-artan, sed kronikan revuon »magazenon«. Ni esperu, ke ankaŭ por tio ne estas jam malproksima la tempo sed provizore ankoraŭ ni restu ĉe nia pure literatura, artlingva enhavo. Kaj jen kio estas nia programo. Ni volas resti tiaj, kiaj ni estis, sed ne ridiĝintaj, kontraŭe, ĉiam evoluantaj. Tiu ĉi jaro certe ebligos al ni pli vastan ilustradon, starigon de novaj rubrikoj pri foto kaj teatro, pli da bonhumoro en la enhavo, oftajn intervjuojn kun famaj verkistoj esperantistaj kaj nacilingvaj, gvidartikolojn de famaj esperantistoj pri interesaj temoj, multajn naciajn, eĉ ekzotikajn numerojn kaj fine la delonge sopiratan 32-paĝan amplekson.

Ne pensu tamen, ke ni vivas tute senzorge. La gazeto alportis al ni dum la pasinta jaro deficiton de pli ol 1000.— sv. fr. kaj ni kalkulas, ke ĝi restos ankaŭ ĉijare. Sed la librofako fermis sian bilancon per konsiderinda profito kaj ĝia evoluo ebligos al ni plivariigi la gazeton mem. Ni vidas, ke bonajn kaj belajn librojn vi aĉetas eĉ se vi devas redukti viajn elspezojn kaj por la nuna jaro ni proponas al vi librojn, kies abundo kaj graveco certe surprizos vin.

Por la plej ŝatata fako de via libroŝranko, por la originala literaturo, ni donos al vi *romanojn* de *Forge, Baghy* kaj de verkisto, kiun la esperantistaro jam konas, sed ankoraŭ ne tute tiel, kiel li meritus kaj kies romano ree montros, ke ni ne devas timi mankon de novaj talentoj. Ni prezentos al vi la *novelarojn* de *Sturmer, Szilàgyi*; tre interesajn *studojn pri la esperantistaj verkistoj* el la plumo de *Totsche*; por la lernemuloj ampleksan *Poezian Ŝlosilon de Kalocsay kaj Waringhien* kun grasaj kaj spicitaj konsiloj al la verkistoj, kun vere *kompleta* esperanta rimaro kaj kun la klarigo de ĝis nun aperintaj kaj vortare neregistritaj poeziaj vortoj. Sed ankaŭ la bonhumoron ni ne preterlasos. Bone reprezentos ilin la *dua volumo* de la *Kalocsay-a Rimportreloj* kaj volumeto el la *Verda Biblio de Lejzerowicz*.

Kvankam ni jam listigis longan vicon da libroj, ni ne diris al vi la sendube plej gravan eldonaĵon de 1932. La *Esperanto-Enciklopedio*, redaktata kaj kunlaborata de la plej famaj esperantistoj en granda ĉ. 600-paĝa volumo, pritraktos la historion de nia movado, la biografion de ĝioj agantoj, la argumentojn de la esperantista propagandisto, ĉiujn interesajn faktojn el la vivo esperantista, ĉion do, kion la esperantisto iam ajn bezonas scii pri la movado. Grafikonoj, bildoj, portretoj klarigos kaj ornamos abunde la tekstojn. La artikoloj pri la verkistoj prezentos tutan Esperantan literatur, historion.

Se vi estas ŝatanto de la tradukita literaturo, ni prezentos al vi frandaĵon ankaŭ sur tiu ĉi kampo. La *Hungara Antologio*, kies poemojn tradukas *Kalocsay* kaj kie aperos la tradukoj de *Bodó, Totsche, Szilágyi, Parvus Piscis, Baghy* k. a. sub la redakto de *Kalocsay*, enhavos ĉ. 500 paĝojn en granda formato sur belega papero, kun la literatur- kaj arthistorio de Hungarujo kaj kun foto pri ĉiu verkisto. Ni riskas aserti, ke ĝi estos la plej bela kaj plej impona antologio ĝis nun aperinta en Esperanto. En la postaj jaroj ni intencas aperigi antologiojn de aliaj malgrandaj nacioj kaj *Modernan Hungaran Antologion*. Sed en tiu ĉi jaro aperos ankoraŭ grava historia romano de *Ŝalom Aŝ* kaj ni devas mencii, ke *Kalocsay* nun tradukas en la originala versformo la *Inferon* de *Dante*, kaj ne estas neeble, ke ĝia eldono kronos nian agadon de 1932.

En tiu ĉi jaro ni ne forgesos ankaŭ pri la komencantoj, por kiuj ni eldonos *dulingvajn kajerojn*. Ĉi tiuj kajeroj enhavos noveletojn de niaj famaj verkistoj kun tre detalaj piednotoj de Kalocsay kaj kun la nacilingvaj tradukoj kaj piednoto de la plej bonaj kaj konataj esperantistoj en la koncerna lando. Tiujn kajerojn povos havigi al si ĉiu esperantisto por tre malalta sumeto. Same ni klopodas doni malmultekostajn librojn por tiuj, al kiuj la nunaj ekonomiaj cirkonstancoj ne permesas elspezi multan monon por libroj. Ili estos la *Biblioteko de Literatura Mondo* po 64—96 paĝoj, bone presita, kun bela kovrilo dukolora, por ne pli ol 1.— marko. Kaj fine ni zorgos ankaŭ por helpi la grupvesperojn. Ni decidis eldoni tre malmultekostan kaj bonan *Verdan Kabaredon*, almenaŭ po kvar en ĉiu jaro: ĉiu kajero enhavos la plenan programon de unu grupa programvespero, el la plumo de niaj plej famaj originalaj verkistoj.

Jen ni venis al vi por diri nian programon. Kaj via programo por 1932.? Ni ne dubas, ke ĝi estas: »*Malgraŭ la krizo, malgraŭ la redukto de ĉiuj miaj elspezoj, mi ne forgesos plu subteni mian gazeton kaj ĝian firme.*«

Kaj ni kredas, ke post la fino de ĉi jaro vi povos kontente pesi vian decidon kaj vidi, ke vi donis vian subtenon al inda kaj meritita celo.

Kun la plej bonaj deziroj por la nova jaro, salutas vin kun plej amikaj kaj dankaj sentoj

viaj
LITERATURA MONDO
redakcio kaj administracio

**Nia sekva numero aperos la 10-an de februaro**

# LA AKCENTO EN ESPERANTO KAJ EN OCCIDENTAL

— BRUNO MIGLIORINI, ROMA —



En Esperanto la regulo estas unika : ĉiuj plurvokalaj vortoj havas la akcenton sur la antaŭlasta vokalo.

Neniu dubo en la akcentado ; sufiĉe malmultaj ekzemploj de akcentoj, kiuj frapas vokalon malsaman ol en la naturaj lingvoj. Certe, Italoj kutimas en sia lingvo akcenti *fácile*, kaj ne *facíle*, sed ankaŭ lernante francan lingvon ili devas lerni ke oni akcentas *i* kaj ne *a*. Kvankam do en la vortoj *nacio, okulo* ktp. la akcento falas sur vokalojn malsamajn ol en la samdevenaj vortoj en la naturaj lingvoj, la metodo mem tute ne estas arbitra : en lingvoj kun fiksa akcento kiel la franca, la ĉeha, la pola, grandaj serioj da vortoj ricevis akcenton malsaman ol en la devenaj lingvoj.

Ni vidu nun kion faris Occ. por konservi naturecon. (Tiuj el miaj legantoj kiuj ne havas duonhoron por elspezi, povas ĉesigi la legadon : la afero estos multe pli longa kaj komplikita ol oni rajtus atendi de lingvo tiel facila kiel fanfaronas ĝiaj adeptoj).

Jen la reguloj (laŭ oficiala gramatiko : *Occidental, die Weltsprache*, Stuttgart 1930, p. 79) :

1. Oni akcentas la vokalon antaŭ la lasta konsonanto : ekz. *fórme, família ávie, doctór, formár, formánt, formát.*

2. La pluralfiniĝo *-s* kaj adverbfiniĝo *-men* havas nenian influon sur akcentado : ekz. *fórmes, famílies, ávies, doctóres, sólmen, generálmen.*

3. La sufiksoj *-bil, -ic, -im, -ul* ne ricevas akcenton : ekz. *durábil, eléctric, grammática, régul, stébula (= stimula ?), últim.*

4. En esceptaj okazoj la akcentado estas montrata per akcentsigno : ekz. *idé, númere, qualité.*

T. e. tri reguloj, kaj sennombra serio da esceptoj, ĉar la kvara estas regulo kiu taŭgas nur por *pasive* legi la lingvon ; por uzi ĝin skribe aŭ parole, t. e. *aktive*, oni devas ĉiufoje lerni ne nur la vortformon, sed kion s-ro de Wahl decidis pri la akcento.

Ni vidu nun ĉu per tiom da reguloj Occ. atingas naturecon kaj facilecon.

Bonvolu legi tiun ĉi vortserion :

*parocos*
*publicos*
*omnicos*
*espritos*

*Parócos :* bone. Strange, tamen : en la lingvoj, kiuj posedas tiun ĉi vorton en la sama signifo kiel Occ. t. e. »parohestro«, ĝi havas la akcenton sur *a :* la vortakcento ne estas do tiel natura. Ne gravas : daŭrigu

*Publícos.* Ne, ne ! ne lasu vin forgvidi de franca *public*, de germana *publik* kaj *Republik*, de rusa *publičnij . . . :* apliku la trian regulon, ne forgesante la duan. Bone, bone : *públicos*. Daŭrigu.

*Ómnicos !* Ne, ne : vi eraris. La vorto ne havas la sufikson *-ic :* ĝi estas kunmetaĵo de *omni* kaj *cos*, kun la signifo *ĉio*. Oni devas do legi *omnicós*, kaj oni povas skribi laŭ aŭtoritataj ekzemploj *ómnicos* aŭ *omni-cos*. Ĉu vi komencas iomete ŝviti ? Ne, ne, kara leganto : vi nur ekkonstatis la avantaĝojn de la »naturaj« artefaritaj lingvoj. Daŭrigu.

*Esprítos.* Ne ! vi miskomprenis. Vi pensis pri pluralo de *esprit*, sed la pluralo de *esprit* estas *esprits* au *esprites*, kaj ĉi tie, kontraŭe, vi havas sufikson *-os :* t. e. spritplena, *espritós*. Ĉu tio estas iom malfacila ? Ĉu vi diras ke, ĉar en Occ. ekzistas skribakcento, oni povus ĝin uzi unu aŭ dufoje ? Jen kvina ekzemplo, kaj vi havos skribakcenton : *amícos*.

*Amícos* ? sed ŝajne neniu en Okcidento kaj verŝajne ankaŭ en Oriento prononcus malsame, eĉ se li ne vidus skribakcenton !

Ni lasu la ŝercon, kaj ni demandu nin, ĉu post tiaj ekzemploj la Occidentalistoj rajtas riproĉi al la Esperantistoj, ke ili igas la lingvon malfacila pretendante altrudi al ĝi nenaturajn regulojn, embarasigan ĥirason . . . En parto de la lingvo tiel esenca kiel la akcento Occidental estas senkompare pli malfacila ol Esperanto, kaj malgraŭ tio ĝi ne fariĝas pli »natura«.

Ni ekzamenu pli detale la tutan aferon.

La unua regulo diferenciĝas de la unika Esperanta regulo ĉefe kiam estas du vokaloj ĉe la fino de la vorto : tiam en Esperanto la unua ricevas la akcenton, dum en Occ. la akcento estas repuŝata al la antaŭa silabo.

En Esperanto tio konservas en kelkaj vortoj la internacian akcenton *(astronomio, teorio*, ktp.) dum en kelkaj aliaj la internacia akcento estas ŝanĝata *(nacio, vizio)*.

En Occ. la roloj renversiĝas : sed oni atendus ke la 4-a regulo intervenas, reaplikante la internaciecon. Kontraŭe inĝ. de Wahl volis uzi tiun oportunecon kiel eble plej malmulte, kaj rezultate grandaj vortserioj havas neinternacian akcenton, arbitre kaŭzitan de la akcentregulo : *astronomie, energie, heresie, hypocrisie, ironie, periferie, telefonie, teorie, Utopie* ktp. (t. e. *astronómie*, ktp.)

La nenatureco de tiu akcentregulo rezultas ankaŭ de la fakto ke, kie la akcentsigno estas uzata, ĝi aspektas internacie kiel superflua, kaj ĝi ofendos ĉefe Britojn : jen vortoj kiel *muséo* aŭ *Messia*, jen eraroj aŭ arbitraĵoj kiel la diferenco inter *hebreo* (sen skriba akcento, *pron.* hébreo) kaj fariséo (en *Deutsch-Occidental Wörterbuch* de Gär, Reval 1928) ; jen stumpigo de internaciaj formoj, kiel *idé, livré, troké*, kiuj havus la formon *idea, livrea, trachea* (aŭ *idee, livree, trachee)* se oni ne devus eviti la finan vokalgrupon.

Arbitran akcenton, ne kuracitan per la 4-a regulo, ricevas ankaŭ vortoj kiel *aeronaut, caut, hydraulic*, ĉar Occ. por savi la internacian ortografion ne markis la duonkonsonantan valoron de *u*, kaj tial devas faligi ser ĝin la akcenton (prononcu *káut* ktp.).

Laŭ la regulo, la akcento falas sur la lasta vokalo de vortoj kiel *anatom, filosof, paroc, dialog*, ktp. Tio

donas al la lingvo ritmon, »stilon«, similan al la Esperanta. Sed subite jen vorto kiel *epíscop* kiu interrompas ĝin. La aŭtoro de Occ. kredis oportune sekvi la internacian akcenton : sed la popoloj kiuj akcentas en sia lingvo same *philósophos* kaj *epískopos*, t. e. ne nur la Grekoj, sed ekz. la Hispanoj, devos lerni parkere la »esccpton«. Eĉ pli malfacile estos memori ke, laŭ sia *Radicarium*, Occ. adoptis *hypérbol*, sed *parabol* (t. e. *paraból*) : tute kaprice. Same kapricaj estas la akcentoj de *cólera* »holero« kaj *colera* »kolero« : la Italoj bezonos nur memori ke ili estas kontraŭaj ol en sia lingvo, kaj denove laŭdos la perfektan »natureecon« de Occidental.

Sed eble la kulminon de la kaprica akcentado oni vidas en la serio de adverboj, prepozicioj kaj konjunkcioj, kiujn Occ. adoptis de la latina lingvo : *támen*, *quáncam* (bone), *super*, *forsan* (t. e. *supér*, *forsán* : kial do?), kaj fine *interim* (t. e., laŭ la tria regulo, sed kontraŭ ĉiu internacieco, *intérim*).

Ni jam vidis unu el la maloportunaĵoj, kiuj rezultas de la dua regulo : t. e. ke oni bezonas scii, por ĝuste akcenti vorton, ĉu ĝi estas pluralo aŭ ne : la vorto *cortes* povas esti pluralo de *corte* kun akcento sur *o*, aŭ adjektivo »ĝentila« kun akcento sur *e*. La Hispanoj havis ĝis en la pasinta jarcento similan regulon ; sed fine la Hispana Akademio akceptis la regulon, ke *-s* ne influas sur la akcento, kaj distingis *cortés* de *cortes*. Ni konsilas al aŭtoritatuloj de Occ. funde studi la evoluon de la hispana ortografio : ili eble trovos ion por lerni.

La tria regulo evidente celis eviti skribakcenton en la plej komunaj vortoj internacie akcentitaj sur la antaŭlasta silabo. Ni ne diskutu pri la elekto : laŭ franca (kaj parte germana) modelo oni estus povinta, ekz., lasi akcenton al la vortoj en *-ic*, akceptante ke oni prononcu *public*, *fabric*, ktp. kun akcento sur *i*. Tiel tranĉinte, oni devas tamen redoni la akcenton, kaj tial uzi akcentsignon, por vortoj kiel *amíc (amico)*, *formíc (formica)*, vera pugnofrapo por niaj okuloj. Pugnofrapo por okcidentalaj (ne Occidentalistaj) oreloj estas la prononco de *radica appendice*, *matrice*, *felici*. Sed restas la grava dubo ĉu oni devas prononci tiujn vortojn *rádica, appéndice, mátrice, félici* aŭ *radíca, appendíce* ktp. Kvankam la koncepto de »sufikso« en Occ. estas nebula afero, la fakto ke oni skribas *formic*, *formíca* ŝajnas konformi la unuan prononcmanieron : *-ic* certe ne povas esti konsiderata aktuala sufikso (ĉar *formica* ne derivas de *formar !*). Verdire oni ankaŭ trovas *fílice* kun skribakcento en la *Radicarium* de Wahl, kio ŝajnis konfirmi la duan interpretmanieron : tamen la vortaro de Gär skribas simple *felice*... S-ro de Wahl ofte riproĉis d-ron Zamenhof, ke li tranĉis Gordajn nodojn anstataŭ ilin solvi, kiel li faris : ŝajnas tamen, ke survoje li forgesis solvi kelkajn...

En internacia lingvosento la sufikso *-ic* estas paralela kun *-id* : tial oni miras trovante ke *-id* ne repuŝas akcenton, kaj ke oni devas prononci kun akcento sur *i acid*, *calid*, *frigid*, *lucid*, *celluloid*. Same, lerninte ke oni devas prononci *durabil*, *stabil*, *possibil* kun akcento sur la antaŭlasta vokalo, oni miras trovante *simil*, *futil* ktp. kun akcento sur la lasta.

Eĉ pli malagrabla estas la regulo pri *-im*, kiu evidente celas ĉefe la superlativojn *(altissim* ktp.) : ni konstatas la saman ĥaoson kiel ĉe *-ic* : *Radicarium* skribas *ánim* kaj *sublim*, dum la verko *Occ.*, kredeble pli ĝuste, skribas *anim* kaj *sublím*. Bonvolu, post tio, legi *estima*, *regime*, *pantomima* : ĝis nun mi ilin trovis sen skribakcento : ĝis ŝanĝo ni legu do *éstima*, *régime*, kaj eĉ *pantómima*.

Laŭ Cosm. VIII, p. 165 ankaŭ la finaĵo *-um* estas senakcenta ; kaj tio devigos skribe akcenti *costúm parfúm*.

Ni ŝparos al niaj legantoj la priskribon de la malfacilaĵoj, kiujn donas la kunmetitaj vortoj (ekz. *undeci*, *necu*, legotaj *úndeci* kaj *necú*), ĉefe ĉar mankas reguloj kaj la ekzemploj estas ofte kontraŭaj inter si (1).

Se vi kredas, post tio, ke vi perfekte konas la akcenton de Occ., vi eraras. La tri reguloj, kaj la esceptoskatolo elĉerpiĝis ; sed kiel ĉe ĵonglisto, novaj mirindaĵoj elsaltas el aliaj tirkestoj de la gramatiko. Bonvolu legi la vorton *incaut*. Ĉu vi kredas ke oni devas legi, laŭ la grafio, akcentante i ? Ne. Ĉu, laŭ la internacieco, a ? Ankaŭ ne. Do restas la plej stranga kaj maloportuna akcentado, tiu de *u*. Same, trovante *infam*, *inpur* vi devos akcenti ne la unuan silabon, sed la duan. Efektive, laŭ Occ., la prefikso *in-*, kiam ĝi havas negativan valoron, devas porti skribakcenton, kiu ne havas valoron akcentan, sed simple ortografian.

Simile, kvankam la gramatiko silentas pri tio, oni kutime skribas *dí*, *dá*, *fá* en la signifo »diras«, »donas«, »faras« ; mi ne bone scias ĉu ankaŭ por aliaj unusilabaj verboj kaj iliaj kunmetaĵoj, ĉar la ekzemploj oscilas *(il descri*, *Cosm.*, *VIII* p. 88 ; *il proscí*, *Cosm.*, VIII, p. 100).

Ĉu estas necese konkludi ? Ne, nur konstati ke ankaŭ s-ro de Wahl, faris la samon kion jam spertis la antaŭaj lingvokreantoj (kaj kion, laŭaserte, nur li evitis) : »li donis al vortklaso regulon kiu ne estas konforma al ili, do arbitra metodo« *(Cosm.*, VII. p. 193).

Se ankaŭ Esperanto bezonis konvencion, ĝi tamen aplikis regulon senkompare pli simplan, pli facile memoreblan, pli konforman al leĝoj kiujn kelkaj gravaj naturaj lingvoj sekvis en sia evoluado, do al leĝoj »naturaj«. »Ju malpli lingvo ŝarĝas la memoron de la parolantoj, des pli facila ĝi estas« *(Occ.*, p. 138).

*Bruno Migliorini*

(1) Eble kelkaj optimistoj trovos, ke mi iom tro subtile kritikas formojn, kiuj eble estas nur preseraroj. Sed ili evidente ne konas la akrecon, per kiu la Occidentalistoj kritikas erarojn pri *c* anstataŭ *k*, aŭ pri akuzativo en la Esp. gazetaro *(Kosm.*, No 5, p. 25, No 17, p. 60 ; *Cosm.*, VII, p. 81), konkludante ke Esp. adoptis nenaturajn regulojn. Ni povus, se tio ne estus tro teda, citi dekojn kaj dekojn de eraroj en la Occ. lernolibroj kaj gazetoj *(revenú*, sed *revenues*, *Cosm.*, VII., p. 103; *revúe*, sed *revue*, *Cosm.*, VIII, p. 9 ; *númere*, sed *numere*, *Occ.* p. 183, ktp. ktp.), kiuj estas nepra konsekvenco de la nenaturaj kaj komplikitaj reguloj de akcento.

# *Kiel savis sin studento Grivenieks*

— J. Akuraters —

I.

Johano Grivenieks, filo de bienposedanto, kvankam, kiel moderna homo, li kredis nek je Dio, nek je diablo, laŭ la malnovaj tradicioj estis konfirmita en malgranda vilaĝa preĝejo kune kun aliaj gejunuloj. Tio okazis en la somero, kiam li finis mezlernejon en distrikta urbo kaj preparis sin por studi en la universitato de Riga.

La familio al kiu li apartenis, ne estis granda, sed riĉa je latvaj kamparanaj virtoj, laborema kaj sufiĉe riĉa...

Ili estis nur kvar : la ambaŭ gemaljunuloj kaj frato kaj fratino. Fratino de Johano, Elinjo, tri jarojn pli aĝa ol li, estis gaja, bona kaj laborema knabino. La bieno ne estis granda kaj la tero ne tre fruktodona. Estis nur ĉirkaŭ okdek akroj en altestaranta loko kun pin- kaj betularbaretoj sur lagobordo. Sed la amo de la familio al la tero, la labortradicioj kaj diligenteco donis al ĉiuj sufiĉe bonan ekziston. Travivinte la teruran tempon de mondmilito, kiam la infanoj estis ankoraŭ malgrandaj, bieno Grivenieks nun ekriĉiĝis kaj jaron post la jaro dungis paŝtiston kaj laboriston. Ĉiuj faris la grandajn, malfacilajn laborojn kun ĝojo.

Maljuna Grivenieks edukigis Johanon en mezlernejo. Li revis studi terkulturadon, por fari la negrandan bienon floranta paradizo kaj montri sciencajn akirojn al ĉiuj kamparanoj de la ĉirkaŭaĵo.

Johano Grivenieks post la fino de la mezlernejo ankoraŭ unu jaron pasigis hejme por perlabori rimedojn por siaj studadoj en Riga, ĉar pli grandan kapitalon oni ne povis kolekti de la malgranda mastrumaĵo. Por li tio ne estis malfacila, ĉar en li zumadis juneco, kiel blua maro kun revokronoj, — bordoj ĉi tie ne estis.

La estonta studento estis heredanta de siaj laboremaj kamparaj antaŭuloj kaj ankaŭ de sia patro belan korpon, bonan sanon, sed kiom stranga tio ankaŭ estu — senteman, mildan knabinan animon, impreseblan kaj plenan de fantazio. En lia vireca vizaĝo estis okuloj klaraj kiel tiuj de knabino, profundaj kiel al poeto. La forte formitaj vizaĝtrajtoj rememorigis energian viron ; nigregrizaj haroj kiel monto kovris la nigrajn brovojn. En liaj manoj estis jam virforto kaj en la tuta korpo multe da sana arbara kaj kampara malvarmeto.

Sed kiam Johano Grivenieks prepariĝis forveturi al Riga, li eksentis malĝojon. Irante tra kampoj aŭ en varma somero falĉante fojnon en lagogolfoj, li ofte rigardadis malproksimen, kie en angulo de betularbareto, en dukilometra distanco, kaŝis sin najbara bieno. Kaj tie loĝis lia amikino Viktoria... kaj ankaŭ amikino de lia fratino, — kompreneble. Ilia amo estis tiel interplektita kun la frua infanaĝo, ke estis malfacile disigi ilin unu de la alia. Nur kelkfoje, kiam la juna knabino, kiu estis nur du jarojn pli juna ol Johano Grivenieks, ekridetis al li en soleco, ekmoviĝis en li varmega sangondo, ebriigante la animon kvazaŭ per malproksimaj fabellandaj mirindaĵoj. Tiam li havis tian senton, ke universo kaj mondo kaj vivo estas dividitaj en du partojn : en unu flanko staris la mondo, en la dua Viktoria kun siaj helaj harbukloj, altkreska, gracia figuro kaj floranta buŝo. Ankaŭ en ŝi estis animo de vilaĝa domo, bela, profunda kaj mirinda kiel la naturo de Latvio. La juna korpo odoris je kamparaj floroj, tero, suno, kvankam Viktoria, vekiĝante por la vivo kune kun revolucio kaj popolo, portis en si jam la monddoloron. Ankaŭ ŝi preparis sin por naĝi en la grandaj akvoj — t. e. studi en Riga, ĉar tie fluis la vivo de la popola spirito, la tuta nova mondo.

Dume ili vivis, kiel floroj en varma laga akvo, ne sentante, kiel forkuras tagoj, ĉar ili estis feliĉaj. Ili legis beletraturon, debatis pri ĝi kaj sentis en si ion fermenti... Tio estis la venonta vivo, kio kolektis la fortojn por si.

Kiam la varma somersuno ekpaliĝis kaj venis septembro, Grivenieks devis forveturi. Viktoria, kompreneble, havis okazon tiutage viziti lian fratinon Elinjon, kaj fine ili estis solaj post la pomarboj en ĝardenangulo. Viktorio ridetis ĉifoje strange kaj rigardis en la okulojn de la juna studento. Nur kiam li per siaj malmolaj manoj premis ŝian kapon al si por kisi, kvazaŭ adiaŭante, ŝi rapide metis siajn manojn ĉirkaŭ lia kolo, ektremis kaj forkuris, kvazaŭ ŝi estus ion ektiminta.

La patrino preparis multe da kamporiĉaĵoj por nutraĵo en Riga, blankajn lintukojn, kolorigitan litkovrilon kaj littolaĵon. Johano ja devis vivi pli simple kaj iafoje veturi hejmen por preni nutraĵon. La patro bonvole kaj kun fiero donis la kolektitajn kvincent latojn, kaj akompanita de ridetoj kaj spritaĵoj de ambaŭ knabinoj, li forveturis en malfrua vespero...

La sekvan tagon Johano Grivenieks estis jam en Riga. Sian havaĵon li donis veturigi per manveturileto al la antaŭurba strato, kie li jam antaŭe luis ĉambreton. Post unu semajno sur lia kapo estis jam blanka studenta ĉapo kun ora diabla kruco. Li estis terkultura



*La pastro kun la breviero*

studento en la universitato. Lia koro estis vigla kaj hela, kaj li sentis sin tiel libere en ĉi tiu vivfluado, ke li ne rimarkis, kiam mallumiĝis la siluetoj de bieno Grivas kaj la helaj sunoplenaj harondoj de Viktorio. Li estis en alia mondo...

II.

Tamen montriĝis, ke la ekzistado en la ĉefurbo ne estas tiom simpla kaj malkara, kiel oni hejme estis kalkulinta. Kiel ajn ŝpareme li ja vivus, li bezonis centlatojn monate, se li ankoraŭ volis viziti teatron aŭ operon aŭ iafoje studentajn vesperojn. Grivenieks subite sentis, ke por li estas necesa nigra vesto, ĉar en sia griza vilaĝa vesto li povis viziti nur lecionojn.

Sed ĉi tio estis bagatelo. Li donos lecionojn, laboros ie kiel oficisto, se estos necese. Laboro tamen ne estis tiel akirebla, kiel ŝajnis, kaj tial Grivenieks devis labori en iu kontoro por malgranda salajro... Li eĉ ne havis tempon por viziti dum Kristnasko siajn gepatrojn. Li pasigis mizeran vivon, kian havas malriĉaj vilaĝaj studentoj, plenaj de forto, kuraĝo, sed eterne forigitaj de pli vasta societo.

En la dua jaro iu lia amiko varbis lin por korporacio. Nun venis novaj elspezoj, sed la korporacio havis bonan pasinton — ĝiaj filistroj estis gravaj ŝtatuloj — kaj tial li havis grandan esperon por estonto... Kaj kiam Grivenieks jam studis la trian semestron, oni lin invitis, laŭ rekomendo de iu konata kamarado, kiel edukiston kaj privatinstruiston al riĉa industriista familio. Lia devo estis — prepari la 13-jaran solfilon Gundabo en kelkaj sciencoj kaj sekvi lian laboron en lernejo kaj dum libertempo.

Kun ĉi tio la materiaj cirkonstancoj de studento Grivenieks tuj ŝanĝiĝis. Li devis loĝi en ĉi tiu riĉa familio en aparta ĉambro. Nutraĵon li ricevis de la mastra tablo, loĝis en lia societo kaj ricevis sufiĉe grandan sumon monate kiel salajron. Li eksentis kaj avide enspiris la ebriigan aeron de Riga. Kune kun tio novaj sentoj plenigis lian vivon kaj tute lin disigis de tiu mondo, en kiu li pasigis sian infanecon kaj



*Tribestro*



*Sudanano*

forlogis de tiuj homoj, kiuj ĝis nun en lia memoro staris firme, kiel statuoj. Okazis tio malrapide, iom post iom.

Kiam li laŭ invito de sinjoro Sala venis en lian loĝejon, enlasis lin bela ĉambristino kaj petis lin atendi ĝis kiam la sinjorino akceptos lin.

Grivenieks sidiĝis sur peza leda divano en la atendejo kaj vole nevole ekrigardis la bele garnitan loĝejon, tapiŝojn, pezajn seĝojn, pentraĵojn. La unuan fojon li vidis tian riĉecon. Li sentis sin maloportune en sia simpla vesto; li mankaresis sian densan hararon, kiu staris senorde sur la frunto kaj turnis en la fingroj sian malnovan studentan ĉapon.

Kaj tiam oni vokis lin.

Enirante apudĉambron li ekvidis belan sinjorinon en libera hejma vesto kaj kun perla ornamaĵo ĉirkaŭ la kolo. Al li ŝajnis, ke ŝi estas ankoraŭ juna, sed jam kun rondaj kaj fortaj korpoformoj. Ŝi estis sinjorino Sala, kiu deziris konfidi al la studento la edukadon de sia solfilo.

»Ĉu vi estas sinjoro Grivenieks?«

»Jes, estimata sinjorino!«

»Kian aĝon vi havas?«

»Mi estas dudekjara.«

»De kia regiono?«

Grivenieks diris la distrikton.

Kaj ĉiuj demandoj estis detalaj, kiel ĉe juĝisto. Vidante lian vilaĝanan nekaŝeblan ĝeniĝemon, la sinjorino ekridetis kaj same ridetante rigardadis la vizaĝon, okulojn, manojn de la studento, kvazaŭ taksante. Kaj fine ŝi deklaris la ĉefkondiĉojn.

»Mia edzo invitis vin por priparoli la edukadon kaj instruadon de nia filo. Vi estos en mia dispono. Sinjoro Sala estas tiel okupata en sia entrepreno, ke li pri hejmaj aferoj zorgi ne povas. Vi ĉie kaj ĉiam devos obei min. Mi pensas, ke ni komprenos unu la alian. Sed vi devos defendi ankaŭ mian opinion, se tio estos bezona, ĉar mia edzo malmulte komprenas la edukadon. Kion vi opinias?«

Ŝi ekridetis, sed li ne komprenis kial.

Grivenieks estis dankema al ŝi pri la malkaŝemo.

»Mi tute konsentas, estimata sinjorino. Mi penos...«

Li sentis, ke de sinjorino Sala venas ia stranga ordonanta forto kaj li timis rigardi en ŝiajn okulojn. Ŝi havis kuraĝajn, verdepalajn okulojn; ili similis rigardojn de Meduzo. »Bone, sinjoro Grivenieks! Ni, do, povas komenci jam morgaŭ. Vi loĝos ĉe ni en via ĉambro. De la kvara ĝis la sepa horo vi helpos al Gundabo prepari lecionojn. La cetera tempo estas je via dispono, escepte la tagojn, kiam vi akompanos lin al glitveturejo aŭ promenos.«

Ŝi metis unu piedon sur la alian, prenis malgrandan cigaredujon kaj proponis ankaŭ al Grivenieks. Kiel stranga tio estis — li devis rifuzi, ĉar li ne fumis! Kiaj antipodoj ili estis!

»Ho, kiel moderna vi estas!« ridis ŝi. Vi ne rekonas iajn ajn tentojn? Sed iom post iom vi alkutimiĝos... Do,—« ŝi rapide leviĝis, »ĉio estas en ordo! Mi atendos vin morgaŭ. Nun ĝis revido.«

Ŝi staris tute proksime al la studento kaj donis kisi la manon tiel libere kaj volonte, ke liaj lipoj tuŝis ĝin pli forte ol ordinare. Ankoraŭ foje li vidis la okulojn de Meduzo kaj post tio li restis sola.

La ĉambristino jam atendis en la antaŭĉambro kun la mantelo kaj bastono... La junipera bastono el la arbaro de bieno Grivas! Grivenieks ekhontis iomete, sed la knabino gaje ekridetis, eble divenante, ke la studento nun estos hejma homo.

Kiam studento Grivenieks venis sekvanttage, la tuta familio de Sala estis kune ĉe la manĝotablo. La mastro, industriisto kaj komercisto Sala, havis pli ol kvindek jarojn; li estis altkreska, kun blondaj haroj, senhara nuko kaj malvarmaj, helaj kvazaŭ akvozaj okuloj. Li estis korekta, fiera pri siaj manieroj, sed ankaŭ silenta kaj meditema. Li estis unu de tiuj, kiuj ne rapidas, sed certe atingas sian celon. Ne kalkulante la domon en Riga, li havis pli ol dek milionojn da latoj.

La solfilo Gundabo estis malgrasa kaj altkreska knabo, kiun oni edukis laŭ germanaj burĝmanieroj. Li scipovis fari saluton, kiel dresita bubo laŭ militista



*Boksisto*



*La trejnisto*

maniero kunfrapante kalkanojn, estis silentema, sed dorlotita. Li sidis apud Grivenieks ĉe la tablo..

La sinjorino, apud sinjoro Sala, hodiaŭ estis bela. Ŝiaj moderna vesto, perfekta frizaĵo, manoj ornamitaj per ringoj, karaj ornamaĵoj en onditaj haroj kaj profunda rigardo kvazaŭ sternis ĉiujn. Ŝi rigardis al Grivenieks malvarmete kaj ordone, kaj li sentis, ke ŝi lin sugestas. Ŝajnis, ke ia diableto ridas en ŝiaj lipanguletoj, sed ĝi tuj malaperis.

La paroltemo unue estis la studento. Li nun devis rakonti pri sia familio, pri kamparo, pri laboroj kaj celoj. Post tio oni mallonge pridiskutis la okupon kaj edukadon de Gundabo kaj post la tagmanĝo sinjoro Sala tuj foriris kaj ne revenis eĉ al vespermanĝo.

Sed anstataŭ li estis tie juna sinjorino — fratino de sinjorino Sala — fraŭlino Dreimanis. Ŝi estis pli altkreska, pli juna ol sinjorino Sala, vigla kaj elasta kun stranga splensento. Ŝi estis de tiuj tipoj, kiujn la studento vidis en dancsalonoj, nur pli eleganta kun grandstila silka vesto. Ŝi havis lipojn, ruĝe kolorigitajn kiel mumio, harojn tranĉitajn »a la garconne,« kaj malgrasajn, longajn manojn...

Ŝi rigardis la studenton per akra rigardo, sed ŝajnis esti malvarma.

Nur post la vespermanĝo, kiam oni priparolis tagajn okazintaĵojn en socio, fraŭlino Dreimanis nerimarkite sidiĝis ĉe piano kaj ion ekludaĉis, kiel lernantino, kaj post tio transiris al konata valso, kiun ŝi ludis diversvariacie.

»Ho, kiel tio plaĉas al mi,« ŝi diris kaj levis la kapon ekridetante al Grivenieks.

»Ĉu vi dancas modernajn dancojn?« demandis ŝi kvazaŭ ordonante.

»Mi lernas, mi lernas,« mensogis li, por ne esti tro malmoderna.

Evidentiĝis, ke la fraŭlino konas en la korporacio multajn junulojn kaj ekinteresiĝis la studenton pri diversaj intimaj bagatelaĵoj. Ŝin ĝenis nenio.

»Olga... ĉu ne estas la tempo por vi foriri?« demandis sinjorino Sala.

»Bone, sed sinjoro Grivenieks akompanos min

ĝis mia hejmo. Estu tiel afabla,« ŝi turnis sin al la studento.

»Bedaŭrinde, sinjoro Grivenieks hodiaŭ ne havos la tempon,« diris la sinjorino malvarme kaj signoplene rigardis la studenton, kiu staris kiel inter du fajroj, »ni devas priparoli la edukplanojn de Gundabo.«

»La edukplanojn ?« ironie diris fraŭlino Olga gracie kaj signoplene kuntirante sian rubandon sub la genuo. »Mi havas neniajn planojn, mi vivas de unu okazaĵo ĝis la alia. Sed tiuokaze — ĝis revido !« Ŝi ekludis ian fokstrotmelodion, salutis per kapklino kaj ne adiaŭante foriris, sed la rigardo, kiun ŝi dediĉis al sia fratino, estis plena de ardo kaj stranga akreco. Grivenieks ne komprenis kion signifas tia sceno. Tion li komprenis poste...

Sinjorino Sala sidiĝis sur la bruna leda apogseĝo kaj montris per gestoj la seĝon kontraŭ si. La studento eksidis. Denove li sentis la strangan, nekompreneblan sorton, kiu radiis el okuloj de la sinjorino. Ŝia spirado estis nenormala. En la okuloj brilis profunda ardo. Ili ekparolis. En la domo ekestis profunda silento ; odoris parfumoj...

### III.

Studento Grivenieks jam tri semajnojn plenumis siajn devojn de privata instruisto en la familio de Sala. Grandan penon de li tio ne postulis. Gundabo lernis nek tro bone, nek ankaŭ tro malbone. Nur dum la vesperoj, kiam li estis libera de ĉio, li serĉis sian liton en sia ĉambro kaj unu penso ĉarmis lian koron : sinjorino Sala. Stranga neklara timo, stranga dolĉa sento logis lin al ŝi. Kelkfoje ŝi petis lin legi al ŝi ian novelon el ĵurnaloj aŭ gazetokazintaĵojn. Tio okazis precipe dum vesperoj, kiam Gundabo estis en sia ĉambro kaj laboris kaj sinjoro Sala estis ien foririnta kun siaj amikoj.

La sinjorino susurante per sia silka vesto sidiĝis en apogseĝo apud kameno kaj invitis Grivenieks.

Ĉiufoje ŝia strange sugesta rigardo, intima rideto, soifoplenaj lipoj kaj tuta ŝia konduto allogis la junan studenton per stranga forto. Sinjorino Sala estis bela, diable bela... Parfumoj ĉiam akompanis ŝin. Dum festenoj, kiuj okazis ofte, ŝi estis ĉiam ĉirkaŭita de sinjoroj, parolis nekompreneblajn sofismojn, sed subite tra ridoj ŝia rigardo restis fiksita al la korpo de Grivenieks kaj penetris en lian vizaĝon per tia intenseco, ke tute nevole li rigardadis la sinjorinon kiel ensorĉita.

Ŝi, ŝajne, komparis la freŝan, junan korpon, fortoplenajn muskolojn kaj junecon de la vilaĝa studento kun la elegantuloj de Riga. Ŝia rigardo persekutis lin ĉiumomente kaj kvazaŭ diris : ĉio estas vana — vi ne forfuĝos de mi !

Ofte en societo post teatro aŭ opero ili iris, por danci ie ajn, al fiodorantaj kafejoj, keloj, en akre violkolora aŭ fajroruĝa blindiga brilo kaj kriaĉa cinika zumado de muziko, kie ili pasigis horojn, trinkante, dancante kaj montrante kiom konataj kaj riĉaj ili estas. Fraŭlino Drejmanis, kiu akompanis ilin kaj ŝatis multe danci, prenis manon de la studento kaj fortiris lin en negrodancon.

»Kio okazis al vi ?« flustris ŝi. »Vi estas pala kaj pensema. Kiam ni veturos al Arbarparko ?«

Ŝi blovis parfumitan cigaredfumon en lian vizaĝon kaj per duonfermitaj lipoj kvazaŭ vokis lin. Ŝi estis ruĝa, bela kiel sorĉistino, kun akra ebriigema rido de sorĉistino.

Sed la rigardo de sinjorino Sala tenis studenton Grivenieks en tiaj momentoj kaj li eksilentis... Ŝi



*Negrino*

ŝajnis al li pli alloga ol sorĉistino, — ŝi ja estis la diablino mem.

»Ĉu vi havas neniun dancon por mi ?« demandis ŝi. »Ĉu vi opinias, ke tio estus tro konvena ? Ni iru !«

»Pardonu — mi volonte —« li kvazaŭ petis pardonon kaj ili dancis — ili — du nekunigeblaj fortoj.

Ŝi ebriigis la studenton per sia varmo kaj vigleco. Ebriigante ŝi rigardis en lian vizaĝon ; ŝiaj manoj tiris pli proksimen la junan grandegulon. Ŝi iĝis facila, kiel aero kaj varmega kiel suno. Ofte li sentis, ke lin ekregas stranga ebrio ; li fermis la okulojn, spiris kiel en malsano. Kiel en malbona sonĝo li vid's la dikan korpon, flegman vizaĝon de sinjoro Sala, likvorbotelojn kaj fajrojn... Kaj mistika timo ĉirkaŭprenis lin kaj li sentis ke strangaj tremantaj manoj sufokas lin. Ekzumis pinarboj kaj betuloj de lia patra hejmo, ie ekridetis fratino Elinjo kaj — — Viktoria. Li trinkis likvoron kaj deziris ebriiĝi sin ; li sentis, ke fraŭlino Drejmanis forte premas lian piedon kaj ridetas per ruĝaj lipoj, sed en la sama momento la mano de sinjorino Sala prenis lian manon sub la malgranda tablo kaj invitis lin danci. Li ne plu havis forton por kontraŭstari...

Revenante hejmen en malfrua nokto sur la ŝtuparo Grivenieks sentis, ke la sinjorino ordone kaptis lian manon kaj varma spiro fluas en lian vizaĝon. Peze spirante sinjoro Sala surgrimpis la du ŝtuparojn... Al li ĉio estis indiferenta. Li vivis en la mondo de ciferoj kaj profito.

Post du tagoj vespere alvenis fraŭlino Olga kun siaj parfumitaj cigaredoj : ĉar sinjorino Sala ne estis hejme, ŝi sukcesis forkonduki Grivenieks al kino kaj de tie al dancejo. Dum la vesperoj li ja estis libera... La nova vivo ebriigis lin. Li renkontis amikojn, kantis, ridis, dancis, kaj fine ili iris al ia privata loĝejo, kie mastrumadis fraŭlino Olga. Kiam ili trinkis ci-fratecon, Grivenieks devis kisi Olga'n, sed tio ne estis simpla amikeca kiso. Olga bruligis lin kvazaŭ per fajro. Li sentis en siaj manoj la varmigitan aeron de Riga,

# Sennoma kaj senmorta

**Verner von Heidenstam**

Neptunsanktej' de Pestum staris preta
en rozĝarden', kaj tie sidis vir'.
Ĉe lia ŝultro la edzin' ripozis,
dum ŝiaj manoj restis ĉe ŝpinil'.
Ŝi aŭdis ŝalmojn soni sur la monto,
sur kiu urbaj porkoj paŝtis sin,
kaj poste ŝi ĝojege al li flustris
dum ŝiaj fingroj ludis per la lin':
»Pleniĝas mia kor' de granda ĝoj'.
La hom' min kondukonta al haven'
de Naksos kreis tiun belan templon
kaj senmortiĝis per la entrepren'.«
Sed ŝia edzo serioze diris:
»Pli bone, diru: kiam mortos ni
post kelka tempo, kiel nia nom',
la templo same staros tie ĉi.
Ĉu la artisto pensas dum inspir'
pri l' laŭdo kaj pri la aplaŭda bru'?
Ne, la okul' rigardas nur internen
ekstera mondo ne ekzistas plu.
Kaj vee plori volas la poet'
malsukcesinte en la memesprim',
sed volas kisi ĉiun verson, kie
enestas pure, tute la anim'.
En tiuj versoj estas lia viv'.
Li serĉas senmortecon en valor'
de sia verk', sed ne en sia famo,
kaj lia nomo estas la labor'.
Homero eble estas nura mit'.
Kaj tamen, vere *estas* tiu hom',
ni aŭdas kiel lia koro batas,
kaj Iliado estas lia nom'.

Ekstaris li por iri for, sed nun
subite kaptis ŝi mantele lin
kaj murmuretis kun kaŝita rido
ekrigardante haste, ŝtele lin:
»Sur la kolono staras via nom':
Se viaj vortoj venas el la kor',
martelon prenu do el la ilaro
kaj el la ŝton' la nomon haku for:«
Li turnis sin, rigardis ŝin severe
Sed ŝi atentis jam pri la faden'
kaj per la man' preparis novan linon
atente rigardante al haven'.
Subite li sin turnis for de ŝi
kaj prenis martelegon je l' tenil'
per tia forto, ke la fingrartikoj
blankiĝis vakse. Falis la frapil'.
El la kolon' fajrerkaskado ŝprucis,
kaj pluv' de akraj splitoj kun ekbru'
sur la ŝtuparon falis. Sed la templo
de nun ne portis lian nomon plu.
Kaj kun kriet' sin ĵetis de l' spinil
nun al piedoj liaj la edzin'
kaj sur splitar' de lia fam' genuis,
kaj diris, dum ŝi ĉirkaŭbrakis lin:
»Ne esprimebla estas nun la ĝoj'
kun kiu iros mi al hejma dom':
Ĉar milobliĝis nun grandeco via:
Pestuma templo estas via nom':«
Vespere ŝipo kun naksosa flag'
fornaĝis jam, sen vent' en la velaro,
kaj glitis for en ardon de la sun',
kuŝanta sur spegultrankvila maro.

Kaj Pestum iĝis verda erikej',
dum poste pasis jaroj mil kaj mil,
kaj en la ombro de la templorestoj
paŝtista ŝalmo sonas en trankvil'.
Neniu scias nomon de la majstro,
sed rigardante al la templopint'
vi reve vidas tuj la konstruiston,
ĉar ĝi vidigas ĝojon de l' kreint'.
Li estas kiel kara bonamik',
kiu distance ŝajnas jam konat',
kaj estas samĝojan' kaj estas frat'.

El la sveda: *Stellan Engholm.*

---

frenezan liberecon, la rapidan forbruligadon de la vivo, la rafinitan senmoralecon kaj facilanimecon, kiuj flirtadis super la ĉefurbo, kiel reganta standardo de la nuna epoko.

Kun peza kapo li frumatene revenis hejmen. Kaj tiam li ektremis.. rememorante sinjorinon Sala. Jes, ĉu li ne estis sklavo?

Ridetanta juna ĉambristino, vestita en facila nokta vesto, frotante la dormon el okuloj, malfermis la pordon.

»St...,« ŝi signifoplene diris, kokete ridetante. — »estu pli silenta; la sinjorino ankoraŭ ne dormas. Sia kapo doloras...

Grivenieks balancante sin en strangaj timoplenaj antaŭsentoj ekdormis tamen dolĉe, kiel oni dormas en junaĝo post balo...

Kiam li sekvanttage revenis de la universitato, estis jam tagmezo. Sinjorino Sala kaj Gundabo sidis ĉe la tablo. Sinjoro Sala ne alvenis. La studento kisis la manon de la sinjorino, sed ŝi estis neordinare silenta kaj neparolema. Ŝiaj okuloj briletis malice. Multfoje ŝi respondis malafable kaj faris akrajn rimarkojn al la filo, kvazaŭ ŝi ne vidus la studenton.

Post la tagmanĝo, kiam la servistoj forprenis la manĝaĵojn, la sinjorino diris al Grivenieks;

»Bonvolu resti. Mi devas paroli kun vi.«

Grivenieks sidiĝis kaj ekrigardis ŝin. Ŝi estis bela. La nokto pasigita en maldormo kaj kapdoloro, ŝajnis, nur pligrandigis ŝiajn sorĉaĵojn. Ree li estis malforta kaj malkuraĝa.

»Sinjoro Grivenieks... Pasintnokte vi revenis tro malfrue... Mi ne volas prediki al vi moralon. Vi estas studento, kaj la juneco ŝatas ĝojon. Sed ne forgesu, ke vi ankaŭ estas edukisto de mia filo. Kaj por mi ne estas egale, kion oni parolas pri vi en la societo. Ne miskomprenu min, sinjoro Grivenieks. En korporacio, klubo, dancejo — mi ne kontraŭdiros eĉ vorton... tie vi povas amuziĝi, kiom vi volas. Vi ja ne plu estas knabo. Sed ŝajnas al mi, ke vi vizitas ankaŭ privatdomojn. Kaj tion mi ne povas permesi al vi...«

Grivenieks tre miregis. Kiel do ŝi tion scias? Ĉu, vere, Olga tion jam diris al ŝi?

»Kompreneble, vi havas liberecon. Sed mi havas miajn proprajn regulojn kaj principojn. Vi devos, sinjoro studento ĉesigi la interrenkontojn kun mia fratino, fraŭlino Olga, aŭ forlasi la edukadon de mia filo. Mi nenion volas al vi altrudi. Elektu! Mi havas miajn proprajn kialojn kaj principojn. Mi ne postulas

tuj de vi la respondon. Vi povas fari, kion vi trovos pli bona. Sed pri mia regularo mi ne volas rezigni ... Kaj nun mi petas vin, iru al laboro kun Gundabo. Ĝis revido !«

Ŝi rigardis lin per sia strange brilanta rigardo kaj fiere kaj elegante foriris.

Grivenieks sidis sola kaj meditis. En li ribelis la tuta fiero de kamparana filo... Foriri! Kaj tuj! La monon li ricevos de siaj gepatroj kaj finos la studadojn kiel sendependa viro, sed ne kiel servisto de ĉi tiu milionula familio.

Sed la arĝentgriza barbo de la patro, la kurbiĝinta korpo de la patrino aperis en memoro. La detruitaj tegmentoj de la patra domo dum mondmilito... la grandaj ŝuldoj... Ĉu vere li, sana, juna kaj forta homo, laborigos por si siajn karajn gepatrojn? Plena de pensoj li iris al sia lernanto kaj komencis la lecionon... Neniu devas scii pri tio, neniu. Dume ekzistas la eterna mondordo, ne estas liberaj homoj, estas nur servistoj... Bone. Poste, kuŝante en sia ĉambro, li sentis sin kiel verdanta kverko, kiun ĉirkaŭas lupulo kaj arĝentumitaj araneaĵoj. Neordinara, nevidita, netravivita! Kia diferenco estas inter simpla ĉambraĉo kaj belege garnita salono; inter malriĉa tagmanĝo kaj la nuna vivo! Neniu povas eviti tion, kio devas okazi. Li ekdormis en la mola lito, varma ĉambro kaj pensis pri la kapitulaco al vivo... ĝis kiam li mem estos la reganto de la vivo.

En la sekvinta tago okazis malgranda festeno. Venis la pli proksimaj amikoj kaj parencoj, kelkaj studentoj. Mankis nur Olga... Kaj sinjoro Sala forestis jam kelkajn tagojn.

Sed sinjorino Sala estis tre afabla. Ŝi kondutis al Grivenieks tiel, kvazaŭ ĉio estus forgesita. Ŝi eĉ ridetis kaj koketis. Kaj la studento denove sentis la strangan timon kaj ion terure misteran, kiam sinjorino Sala preterpasante karesis lin per sia rigardo. Li estis ankoraŭ kvazaŭ infano, kiu apenaŭ ion sentis, naive, senorde kaj nekomprenante.

En malfrua nokto la kompanio forveturis post dancado, kantado kaj trinkado. La domo subite eksilentis. Nur la floroj ankoraŭ bonodoris en vazoj kaj parfumo ŝvebis en ĉambroj. La fajroj estingiĝis. Enirante sian ĉambron Grivenieks renkontis la sinjorinon en koridoro. Ŝi ŝajnis esti ekscitita. La pezaj harokrispoj malorde ĉirkaŭis ŝian kapon. En la lipoj estis malluma ruĝeco de sango. Li sentis dum unu momento ion fatalan.



Maŭro



*Bano*

»Bonan nokton!« li salutis.

Sed ŝi metis al vi varmegan rigardon kaj foriris. Kiam Grivenieks sidis sur sia lito kaj preparis sin por dormi kaj ankoraŭ pri io revis, la pordo mallaŭte malfermiĝis kaj antaŭ li staris sinjorino Sala. Ŝi estis vestita en facila, nigreta nokta vesto kaj venis silente kiel la sorto. Komence al Grivenieks eĉ ŝajnis, ke li vidas fantomon — tiel subite ŝi aperis.

»Ĉu mi ne ĝenas vin? Kiel mi vidas, vi ankoraŭ ne dormas. Mi ankaŭ ne...»

Li serĉis kion respondi.

»Ĉu vi koleras al mi, sinjoro Grivenieks?« ŝi demandis pli kaj pli mallaŭte.

»Kial?« diris li rigardante ŝiajn nudajn manojn, kiuj aperis el sub la plejdo. Sed en la sama momento ŝiaj manoj forte ĉirkaŭprenis lian kolon kaj io bonodora, neordinara, sufoka premiĝis al li. Ĝi estis la korpo de sinjorino Sala. Li sentis ke ŝiaj fingroj vagadas en liaj haroj kaj karesas lian kolon.

»Karulo, kiom malsaĝa vi estas. Mi longe turmentis min; nun mi ne plu povas suferi. Ni ne plu konfliktu kaj ne disiĝu...«

Grivenieks ne estis bone informita en ĉi tiu afero, en kiun lin forlogis la dorlotita sinjorino. Siajn fortojn li konservis en sia juna korpo ne nur por ĝuo kaj maldiligenteco kaj ekscitemaj sonĝoj, sed por laboro, batalo por estonto. Kun vilaĝaj knabinoj li kisadis nur en maloftaj momentoj de ĝojo, kaj sole nur Viktorian li sentis en siaj manoj adiaŭante.

Nun li sentis, ke li estas kiel malforta infano, kiu devas la unuan fojon kapti la malpermesitan pomon. La floranta beleco kaj tro parfumita korpo de sinjorino Sala ebriigis lin kiel forta vino. Li konfuziĝis, penis sin liberigi kaj aŭdis flustri amovortojn. Kaj kiam ajn li turnis sin, ĉie liaj lipoj renkontis la buŝon de sinjorino Sala. Kvazaŭ falante en profundan abismon, li forte ĉirkaŭprenis sian regantinon...

Blindigante la straton per siaj reflektoroj preterkuris ien malfrua nokta aŭtomobilo...

*(Fino sekvos)* *El la latva, kun aŭtora permeso:*

***A. L. Goba***

# Arto poezia

– C. E. R. Bumy –

**Dua ĉapitro**

Se la unuan legis vi ĉapitron,
Kaj tamen volas vi ĉirpigi citron,
Do venu, streĉu viajn aŭskultilojn,
Ke bone vi komprenu la konsilojn.

Unue, se vi volas skribi verson,
Ne kredu, ke la tutan Universon
Vi devas ŝanĝi nun per unu fojo.
La karavano malgraŭ hunda bojo
Pluiras : ĉu vi konas la proverbon ?
Do, super pov' ne streĉu vian cerbon.
Ĉar se vi al ĝi troan ŝarĝon taskas,
La mont-akuŝo — sole muson naskas.
Ne serĉu konvulsie *novajn* temojn.
Se vi rigardas la majstropoemojn :
Apenaŭ ili havas temon tian,
Kiun aliaj jam antaŭe iam
Abunde ne priskribis — tamen, ili
En nova lumo ŝajnas al ni brili.
Ne diras mi, ke vi dum versokreo
Rifuĝu de ekpenso kaj ideo,
Sed, ne forgesu, ke ne la sentenco,
Eĉ ne la simpla kaj vulgara senco
Ja estas, kiu en la versoj gravas.
Sed, — ke la penso *formon* nun ekhavas.
Mi ne parolas pri la form' ekstera,
Sed pri la form' interna kaj mistera,
Per kies pov' la fuĝaj sent' kaj penso
Ekkreskas, centobliĝas en intenso
Kaj iĝas korpo, kiel pens' de Dio
Fariĝis mondo per la estu-krio.
Jes, poemnasko, en formfando pura,
Ja estas mondo-kre' miniatura,
La versoj, estu kia ajn la kerno,
Alblovas nin per spiro de eterno.
Dum, se la formo estas lama, plumpa,
Eĉ plej potenca penso iĝos stumpa.
Do — estu via strebo kaj fiero
Ne »kion«, sed »en kia maniero«.

Due, vi devas vortojn simple plekti,
Ne volu do kun granda pen' elekti
Vort-ĉenojn nekutimajn. Jes, precipe
En Esperanto, havu ĉefprincipe,
Ke ju pli lude oni vin komprenas,
Atenton, korojn des pli vi katenas.
La sentoj flugu en la alt' senbara,
Sed via stilo estu klara, klara !
Frazerojn ne disjetu, ĉar, finfine,
Vi Esperante skribas, ne latine,
Kaj la latinoj ĝuis ĉe Horaco,
Sed oni nun forjetas kun grimaco
La versojn, kiuj havas ne vort-ordon,
Sed vort-malordon. Do, evitu tordon
De viaj frazoj. Se l' leganto devas
Cerbumi pene, ĝis li elricevas
La sencon, kaj montriĝas post kompreno,
Ke ĝi ne estas inda je la peno,
Ne laŭron, sed mallaŭdon vi meritas :
Vi poezion nian kompromitas.
Do — viajn versojn fajlu sen ripozo,
Ĝis ili fluos, kiel bona prozo.

Per tia klara, senkomplika stilo
En diafane komprenebla brilo
Aperos eĉ simbolo plej vuala.

Rifuĝu de la bela fraz' banala,
Kiel de pesto ! Estas tiaj frazoj
Por ĉiuj eblaj kazoj kaj okazoj
En ĉiu lingvo. Kaj per pen' malgranda
Ja eblas ilin plekti en girlanda
Sinsekvo, ĝis volumo ! Bela distro !
Nivelo : libro de amleteristo.
Parolu do nature kaj senpimpe,
Sed trafe, forte, kerne, eĉ se simple.
Ne uzu epitetojn superfluajn,
Banalajn, ŝtopajn, plumpajn kaj enuajn,
Sed, se vi uzas, ili nin surprizu,
Kaj freŝan sencon frapan mobilizu !
Poste, ne komparadu senutile.
Komparon oni trovas ja facile,
Sed ĝi ne estu pimpa ornamaĉo,
Kiel mallerta ŝminko sur vizaĝo.
Komparo vera brilas kvazaŭ torĉo
En nokto, kaj per elementa sorĉo
Lumigas al ni, kion vi, precize,
Sur tuta paĝo klarigadus grize.
Kaj se komparon tian vi enplektas,
Do estas bone, se vi ĝin respektas,
Kaj vi ĝin ne forpuŝas tuj malŝpare,
Por ke vi novan kaptu jam ĉehare.
Komparo via brulu plu en kaŝo,
Kiel sub cindroj brulas la ardaĵo,
Ĝin per komparo nova ne sufoku,
Eĉ, poste ĝin por nova viv' revoku.
Magie ĝia rememor' aperas,
Se ĝi post longe ree ekfajreras.
Se al *abismo mara* vi komparas
La amon, kaj tujsekve tie staras,
Ke ĝi tra l' koro *pikis per ponardo*,
Vi, kara, estas tre konfuza bardo.
Ne skribu : »antaŭ celo el la selo
Mi falis, ĉar ŝiriĝis mia velo.«
Nek diru : »La potenca fera dento
De l' tempo, kiu tiom da torento
De larmoj jam sekigis, donos nepre
Balzamon al ĉi vund' brulanta febre.«
Nek : »Li iniciatis la fajreron,
Kiu de tiam kreskis en riveron
Tiel grandegan, ke sub ĝia ombro
Eĉ nun ripozas granda homonombro.«
Ĉar se komparoj pluraj interluktas,
Ja tio sole *bildkonfuzon* fruktas.
Kaj klare montras tia bildkonfuzo
Pri la malvera, malsincera uzo
De la komparo. Oni klare vidas,
Ke la poeton nur la *rimoj* gvidas,
Ke ne la forto de la fantazio,
Per la bildkrea povo de vizio,
Sugestis la komparon al animo,
Sed ĝi nur lamas post trovita rimo,
Trenante la postaĵon sur la tero,
Malsane pro la manko de sincero.
Jes. Se l' komparo ne sub sorĉo tenas
Mem la poeton, kiun ĝi katenas ?

# EL LA VERDA BIBLIO

— J. LEJZEROWICZ, LÓDZ —

Antaŭ kelkaj jaroj mi publikigis en Heroldo kelkajn ĉapitrojn el mia »Verda Biblio«. Hodiaŭ mi denove prezentas du aliajn ĉapitrojn el la traktato pri Festoj. Mia »Biblio« havas tiun mirindan econ, ke efektive ĉiu *povas* legi ĝin (krom blinduloj): kredanto kaj ateisto, piulo kaj bigotulo k. t. p.

## Festoj

### Ĉapitro I.

1. Jen estas la festoj, kiujn mi starigas por vi. 2. Eterna interligo inter mi kaj vi estu tiuj festoj. 3. Tagoj de spiritleviĝo ili estas, verŝas ĝojon en la koron kaj homan animon noble inspiras. 4. Ĝoju, ĝoju — mia verda popolo — kun timpanoj kaj tamburoj eliru en la stratojn. 5. Viaj virgulinoj (junaj kaj maljunaj) blankverdajn robojn surmetu.
6. Kaj eĥo portiĝu tra la stratoj,
Sur la vojoj de Ĝenevo jubilo aŭdiĝu.
7. Tia estas la volo de Kruco, mia sinjoro en Ĝenevo.
8. En la oka monato de la jaro, en la unua semajno de tiu monato, festu la Feston Universalan. 9. Dum sep tagoj altigadu vian spiriton kaj en la oka tago disiru. 10. El ĉiuj anguloj de mia mondo kunvenu kaj ripozu ĝojplene. 11. Memoru, ke la *sabato de l' jaro* ĝi estas por vi: *ne faru ian laboron* en tiuj tagoj!
12. Kaj jen estas la faroj, kiujn vi darfas fari en tiuj tagoj; por altigo de l' spirito kaj agrabliĝo de l' tempo ili servu al vi: 13. Babili en viaj sepdek naciaj lingvoj — ĝi estos por vi memoraĵo pri la lando Babela, el kiu mi elkondukis vin per forta mano kaj etendita brako. 14. Disdonadi subskribojn, fotografi kaj ekskursi. 15. Kaj viziti vidindaĵojn, brui en la stratoj, marŝi (dek kilometrojn en ĉiu horo). 16. Kanti, danci kaj ami. 17. Ĉio-ĉi estas donita al vi por via vivo kaj feliĉo. 18. Sed *laboron* ne faru en tiuj tagoj, ĉar ĝi iĝos abomeninda por mi. 19. Memoru, ke festo de *neniofarado* ĝi estas — la sabato de l' jaro.
20. Se venos al vi viroj, kiujn mi ne sanktoleis, kaj per dolĉaj vortoj alparolos vin:
»Aŭskultu, mia popolo!
21. Ŝvitante ni pilgrimis ĉi-tien, manĝon al buŝo avaris.
22. Ne estu do perditaj tiuj tagoj de l' vivo kaj laboron benitan ni faru ĉi-tie«.
23. Vi forpelos ilin el mia tendo, ĉar falsaj profetoj ili estas. Mi ne sanktoleis ilin. 24. La dolĉeco de iliaj paroloj estas kiel la lango de serpento. 25. Malfidon ili volas semi en viaj koroj, malesperon planti en viaj animoj — ŝtonumu ilin.

### Ĉapitro II.

1. Okazis en la naŭa jaro post la malfeliĉo de Helsinki. 2. Kiam Johano la Ko-Merĉanto estis reĝo en Esperantujo kaj dika peza Kruco premis lian kolon. 3. Kaj venis Krakovon mia verda popolo, el dekoj da landoj ili venis. 4. Kaj jubilo sonis en la stratoj, jubilo ĝojiganta mian koron. 5. Kaj la triboj, kiuj alpilgrimis, estis: 6. Poloj, britoj kaj svedoj. 7. Kaj germanoj, italoj kaj ĉeĥoj, kaj Danziganoj multnombraj. 8. Kaj francoj, bulgaroj kaj hispano. 9. Hungaroj, rumanoj en naciaj vestoj. 11. Entute sepcent dudek judoj el tridek ok landoj. 12. Kaj estis granda ĝojo inter la muroj de Krakovo.
13. Kaj venis tri viroj de tri flankoj de la mondo. 14. De oriento, de nordo kaj de okcidento. 15. Kaj la nomo de la unua viro, kiu venis de oriento, estis Junio Pagi. 16. Kaj la nomo de la nordulo estis Andreo Apud, kaj la tria, kiu venis de okcidento, nomiĝis Kafo Alt.
17. Junio Pagi estis profeto. El orienta Budapeŝto li venis por averti la popolon. 18. Andreo Apud estis apostolo. En la norda Skandinavujo li konvertadis milojn da idolanoj. 19. Kaj kronikisto estis Kafo Alt, kiu venis de okcidento, el Kolonjo.
20. Kaj la tri viroj kunvokis la popolon, kaj la popolo venis ĝoje kaj jubile (ĉar ĝi tre ŝatis la tri virojn). 21. Kaj kiam la tri viroj aperis antaŭ la popolo, la entuziasmo fariĝis freneza kaj senĉesa. 22. Senfinaj estis la aplaŭdoj kaj vivukrioj ĝis la profeto, etendinte sian manon, silentigis la popolon.
23. Kaj Junio Pagi, la profeto, tiu kiu venis el la orienta Budapeŝto, faris terurajn okulojn kaj ekparolis la orakolon, dirante:
24. Malfermu viajn orelojn, popolo kompatinda
Kaj malŝtopu viajn cerbojn!
25. Ĉar mi utilajn parolojn volas flustri en viajn orelojn
Kaj oleon de saĝo verŝi en viajn kapojn.
26. Vidu: abeloj scias ordon kaj konas sian reĝinon,
Sed mian popolon mordas kaoso.



*Virino*

# Poemoj

— *Alessandro Mazzolini* —

## Trieto

*Maljunaĝa traduko de junaĝaj poemoj.*

### Malgaja nokto

Ho, Strigo, venu krii ĉe l' fenestro !
Sencela estas mia vivo-vago,
la senreviĝo estas mia estro.

Rompita la pafarko, kaj la ŝnuro
ŝirita kaj senpinta jam la sago
kaj ĉiuj revoj estas en forkuro.

Ho, via nokta kri' melankolia
konformas nun al laca koro mia

revanta pri l' estinto kun soptro
kaj »sen esper' vivanta en deziro«.

### Gaja mateno

En milda horo, kiam oriente
heliĝas la ĉielo pro l' aŭroro,
aŭskultas mi kortuŝe kaj ravsente,

la ĉarman, ĝoje trilan najtingalon,
dum Suno, per la radiar' el oro
disigas ĉirkaŭ mi la noktvualon.

Benata estu, frua sunradio !
Naturon vekiĝantan benu Dio !

La Najtingalo kantas : En Espero,
en Pac', en Amo estas nur la Vero.

### Al la Maro

Mistera Maro, sorĉa mar' safira !
Vi centobligas mian vivon vere,
vi logas min per rava fort' altira.

Ĉu l' kor' de l' malfeliĉa poetino
Saffo vagadas tra l' ondar' mistere ?
Ĉu sorĉfeinojn kaŝas via sino ?

Kial vi sanon al la sango donas,
kial mi en ekstazo ĉe vi dronas ?

Kio altiras min al via pura
profund' mistera, fea Mar' lazura !

---

27. Bovo fosis kavon kaj mem en ĝin falis,
Lingvon klaran ricevis mia popolo kaj pereas en dezerto de malkompreno.
28. Ne estu »viktimoj« de tiuj, kiuj krias »Hura«
Kaj ne »dancu, marionetoj«, ĉar vin atendas »infero«.
29. Lernu saĝon en mondo, de la paganaj popoloj,
Kiuj svarmas sur tero, kiu scias por kio ?
30. Ĉu mi prudenton ne donis al vi, popolo obstina,
Sed vi en la maron ĝin ĵetis, malzorgis viajn bezonojn.
31. Bombaste vi nomis vin popolo, sed kiel vi regas vin?
En via nomo fariĝas aferoj, kiujn vi ne konas.
32. Forĵetu la jugon de tiuj, kiuj vin erarigas
Kaj elektu por vi gvidantojn, al kiuj vi fidos.
33. Kaj kiam li finis, fariĝis denove bruo kaj ektondris aplaŭdado. 34. Ĉar la paroloj trafis iliajn korojn kaj heleco malfermis iliajn okulojn.
35. Tiam stariĝis Andreo Apud, la apostolo de l nordo, kaj alparolis la popolon. 36. Kaj denove tondra aplaŭdado obtuzis tra la aero. 37. Kaj Andreo Apud etendis siajn manojn, la okulojn al ĉielo turnis kaj ekparolis, dirante :
38. Ĉu vi estas feliĉaj ? 39. Kaj la popolo ekstaze respondis : Jes, ni estas feliĉaj. 40. Andreo Apud daŭrigis : Mi gratulas al vi.
41. Kaj la popolo pie flustris : Amen.
42. Kaj Andreo Apud instruis jene :
43. Vi aŭdis, kion diris la profeto kaj vi bone notis liajn parolojn. 44. Jen li prezentis al vi hodiaŭ la vivon kaj la morton, liberecon kaj malliberon, la lumon kaj mallumon. 45. Elektu do la vivon, ĉar mia vivanta popolo vi estas, kaj elektu la liberecon, ĉar ĝi pli valoras ol ĉiuj poŝtkartoj de Liĥtenŝtejno, kaj elektu la lumon por ke vi vidu.
46. Kaj jen mi estas sendita por pruvi per signoj kaj mirakloj la verecon de l' orakolo, kiun diris la profeto. 47. (Kaj la apostolo etendis siajn manojn al la popolo, montris ke ili estas malplenaj, kaj li diris :)
48. Rigardu, rigardu, jen mi havas malplenajn manojn. Kio estas en la mano ?
49. Kaj la popolo respondis ekstaze : en via mano estas nenio.
50. Tiam Andreo Apud eksvingis la manon kaj subite en ĝi aperis ruĝa objekto.
Kaj li demandis : kion vi vidas nun en mia mano?
51. Kaj la popolo respondis ekstaze : En via mano estas la ruĝa kato !
52. Tiam Andreo Apud metis la ruĝan katon en bluan skatolon, kaj ĉiuj vidis, kiel la blua skatolo malkreskas ĝis ĝi iĝis tre eta kaj li metis ĝin en la buŝon.



*Nigra parizanino*



*Knabinportreto*

53. Kaj Andreo Apud demandis: Kio estas en mia buŝo!

54. Kaj la popolo entuziasme respondis: En via buŝo estas la ruĝa kato!

55. Tiam Andreo Apud, la apostolo de l nordo, turnis la okulojn al ĉielo kaj etendinte la manojn diris:

56. Rigardu, rigardu: en mia buŝo ne estas la ruĝa kato.

57. Kaj dirante tion, li komencis tiri el sia buŝo senfine longajn rubandojn brilantajn per mil koloroj de la ĉielarko. Kaj granda flustrado kaj mirado iris tra la popolo.

58. Kaj la popolo flustris ekstaze: Senfine longaj rubandoj, senfine longaj rubandoj!

59. Post tio Andreo Apud prenis alian, akvokoloran skatolon, ekfrapetis sur ĝin per fingro, kaj subite el la akvokolora skatolo elsaltis verda objekto.

60. Kaj Andreo Apud demandis, dirante: Fidanta popolo! Kio estas ĝi?

61. Kaj la popolo respondis ekstaze: Ĝi estas la verda azeno!

62. Tiam Andreo fermis la okulojn, etendis la manojn al la popolo, kaj ekvokis: Fidanta popolo! Rigardu, rigardu: nun venas tre grava demando. Ĉu vi estas ruĝaj katoj?

63. Kaj la popolo respondis ekstaze: Ne. Ni ne estas ruĝaj katoj, sed ni estas la verdaj azenoj.

64. Kaj beatiĝis la mieno de l' apostolo kaj li diris: Fidanta popolo! Mi gratulas al vi.

65. Kaj la popolo respondis ekstaze: Amen.

66. Post ĉio-ĉi la apostolo rajde sidiĝis sur longan ruĝan krajonon kaj akompanata de nigraj objektoj, ruĝaj katoj kaj flavaj hundoj li ekŝvebis en la nebulojn.

67. Tiuj-ĉi signoj kaj mirakloj okazis antaŭ la okuloj de la tuta popolo. Kaj la kronikisto Kafo Alt fidele notis ĉion, kion li vidis. 68. Por ke ne forgesiĝu la signoj de vero en la verda popolo.

# MIA ANGULO

**— JULIO BAGHY —**

La ĉiela infanaro petoladas, pilkludas kun la nubkusenoj kaj molaj lanugoj falas sur la teron. Sub la paŝoj de la homoj gaje ridas la freŝa neĝo. La ĉiela blanko inspiras pacan senton kaj en ĉiu domo porfeste vestas sin unu ĉambro por forgesi pri la kruda realajo; ke el la senmakula ĉiela lanugo iam fariĝos koto griza sur la tero. Forgesiĝi kaj luli la lacan animon per efemera iluzio, per plej alta sopiro de miljaroj kaj nutri la formorte briletantan fajreron de espero pri harmonio!! Optimismo ŝvebas en la aero, pio vibras en la animoj, psalmo flugas for el inter la lipoj kaj la homoj montras sin gefratoj — por momentoj. Subite en la mezo de la Vivdezerto aperas malgrandaj oazoj: ornamitaj abietoj. La homoj ĉirkaŭstaras, kun ĝojlarmaj pensoj rigardas la palpebrumantajn kandellumojn kaj dividas sian egoismon; vekiĝas donacemo en ili. . . Mi dezirus esti nun milionulo, almenaŭ por tiu ĉi tago, por ke mi povu disipi kaj kontentigi mian donacemon . . . For de mia familio, for de la hejmlando, en fremda urbo de norda lando mi staras sur la strato kaj mi atendas la aŭtobuson. Mi estas invitita por la vespera soleno al familio . . . Mi ekiras por varmigi min ĉe fremda fajrujo. Miaj pensoj vagadas ie malproksime, kie eble en tiu ĉi momento rememoras pri mi miaj geamatoj: mia larmokula edzino kaj mia fileto, atendanta la donacojn de la Jesueto. Ĉi tie la abieton portas la »Kristnaska Maljunulo«. Nur la kutimoj diferencas, la tendenco, efiko estas samaj . . . Jes, la samaj por tiu, kiu en propra hejmo festenas, sed ne por tiu, kies okuloj nur vidas, sed ne rigardas. Mi vidas la abieton antaŭ mi, sed mia rigardo serĉas la kandellumojn de fora abieto. Mi aŭdas la gajan ĝojon de infanoj, sed mia koro aŭskultas neaŭdeblan ĝojkriojn de mia fileto. Abieto, oazo en la Vivdezerto, nun via konsolo ŝajnas esti dorna karesado por mi. Bildoj el pasinteco desegniĝas antaŭ mi kaj mi forgesas pri ĉio ĉirkaŭ mi . . . El la sinforgesiĝo rekonsciigas min bonkora alparolo: »Ĉu vi estas laca, sinjoro?«.. Rideton mi trudas al la lipoj kaj hontas pri mia malatento, per kiu senvole mi ŝovis melankolian humoron en la ĝeneralan serenon. Mi aŭskultas la viglan interparoladon, faritan en lingvo nekonata de mi, mi ridas kun la ridantoj pri tute nekomprenitaj ŝercoj kaj mi sentas, ke mia rido rikaniĝas kaj mia mieno fariĝas rigida masko, de kiu mi ne povas liberigi min. . . Honte, dolore honte, sed tiel dece! La vagabondo de l' mondo ne povas resti sola por libere plori . . . La vagabondo estas ofte sklavo de la homa boneco, donacita al li sub kristnaska abieto kaj tiun plej valoran donacon rekompenci per pesimistaj pensoj estus abomeninda maldanko . . . Vagabondo, ridu tra la larmoj, por ke neniu rimarku, ke via animo frostotremas ĉe la kandellumoj kaj ke pro soifo suferas vi ĉe la abia oazo!



*XI. Pius*



## LA FILMMANUSKRIPTO

La plej grava fundamento de la filmo estas la manuskripto, la scenario. En la naskiĝa periodo de la unuaj filmoj la reĝisoroj havis la manuskripton en la kapo, poste ili notis la agadon sur siajn manumojn, kaj kiam tiuj ĉi ne sufiĉis, en malgrandan notlibron — kaj tiel iom post iom kreiĝis la filmmanuskripto, kiu ŝanĝiĝadas kaj pliperfektiĝas konstante, samgrade kun la evoluo de la filmtekniko. Kiam oni hodiaŭ enpaŝas en la filmlaborejojn, oni rimarkas sur speciala tablo dikan kelkcentpaĝan manuskripton, en kiun krom la maŝinskribitaj scenoj estas marĝene skribitaj multaj notajoj de la reĝisoro. La manuskripto en sia nuna formo estas produktajo de multaj kapoj, kiuj en multsemajna komuna laboro elcerbumis kaj formis ĝian enhavon. La nuna sonanta filmo postulas la precizan fiksadon de la sceno (optika agado), de la dialoga parto, de la muzika kaj akustika agado — krome la teknikajn rimarkojn koncerne la aparatomovojn ktp.

Multaj homoj pensas, ke ili estas naskitaj filmpoetoj. La dramaturgoj en la grandaj filmfirmaoj, kiuj esploras kaj kontrolas la amase proponatajn filmmanuskriptojn, povus rakonti groteskajn fabelojn pri la diletantaj laborajoj, kiaj elkreskas el la cerboj de filmavidaj junuloj, kinofrenezaj knabinoj — eĉ kuiristinoj kaj kamenpurigistoj! La grandaj ĵurnaloj, kiuj de tempo al tempo arangas publikajn konkursojn pri bonaj filmideoj, ĉiam denove disvastigas la opinion en la publiko, ke ĉiu homo povas esti filmverkisto. Tiu ĉi opinio estas erara.

Tamen — povus okazi, ke iu homo vizitanta kaj studanta tre ofte filmojn en la kinoteatroj havas taŭgan ideon, la fundamentan elirpunkton por la posta filmlibro. La procedo de la naskiĝado de la finforma filmlibro havas multajn etapojn kaj ĝi komenciĝas preskaŭ ĉiam per la t. n. »exposé«, sinoptika skizo de la filmo. Tio ĉi skizo ampleksas ĉirkaŭ 6—8 maŝinskribitajn paĝojn kaj donas la ĉefan agadan linion, la muzikajn kaj akustikajn eblecojn de la filmo. La »exposé« estas la bazo por ĉio kio sekvos poste. Estus por komencanto tute sensence verki dikan manuskripton kun detale ellaborita scenaro, neniam li sukcesus emigi dramaturgon tralegi tian dikan libron. La sinoptika skizo rapide informas la firmaon pri la ideo, temo, agado, ĉefaj rolantoj, muzikaj eblecoj kaj — kio estas plej grava — ĝi permesas al la firmao proksimuman kalkuladon de la kostoj de la filmo. La mono ludas en la produktado gravan rolon, kelkaj temoj estas produkteblaj per malpligranda monsumo, aliaj temoj postulas pli altajn, ofte fantaziajn kostojn. Laŭ tiu ĉi rilato oni tute ne povas kompari la filmmanuskripton kun romano. La prezoj por presado de romano restas ĉiam la samaj, sed la kostoj por filmigo de scenario estas treege malegalaj! Ne estas do mirige, ke la filmigo de manuskripto ne estas facila afero kaj ofte la plej bona ideo ne trovas intereson ĉe la filmistoj.

La sonanta kaj parolanta formo de la hodiaŭa filmo plimalfaciligis la situacion por la filmverkisto. Dum la muta periodo de la filmo estis la unua postulo: optika moviĝo de la bildo! Hodiaŭ la dialogo kaj la sinkrona muziko ludas gravan rolon en la kreado de la manuskripto, en la elekto de la temo entute! *(daŭrigota)*





*Willy Fritsch*

# K. Kalocsay: Streĉita kordo

— Ludoviko Totsche, Budapest —

Grandaj eventoj ofte okazas en silento. Kiam lastan somerfinon kune aperis tri Kalocsay-verkoj, laŭ ekstera sensacio tiu ĉi volumo ludis la plej modestan rolon. Ja kompreneble, la Rimportretoj vekis la naturan scivolemon de nia publiko, kiu same avidas pri intimaĵoj de siaj verkistoj, kiel ĉiu publiko sur la mondo; la volumo Lingvo Stilo Formo kontentigis tiujn, kiujn interesas lingvaj kaj poetikaj teorioj; ke ili estas multaj kaj ke la libro estas bonega en sia speco, tion pruvas la brila sukceso. Sekve ne estas mirinde, ke unu el la recenzistoj pritraktis la Streĉitan Kordon nur *pretere*, menciante, ke dum verkado de pli grava verko (Lingvo Stilo Formo) Kalocsay eldonigis ankaŭ poemlibron! Grandaj eventoj okazas foje eĉ kontraŭ prisilento!

Sed tie kaj tie ĉi, en proksimaj vilaĝoj aŭ malproksimaj ĉefurboj, kelkaj homoj, ankoraŭ impreseblaj per la voĉo de l' Belo, subite ekatentis: okazis io ankoraŭ ne ekzistanta en nia lingvo kaj literaturo, okazis io *nova*: poemlibro, kiu meritas, ke oni lernu Esperanton nur povi ĝin legi, poemlibro, kiu pridonacis nin per kristale evoluinta poezia lingvo; poemlibro, kies apero apertas novan horizonton por nia literaturo: la epoko de l' diletantismo definitive dronis en la pasinton.

La apero de Streĉita Kordo estos unu el la plej gravaj datoj de nia estonta literaturhistorio. Sed nun?

»Versojn oni ne aĉetas...«

Malmultaj estas la verslegantoj kaj multaj estas la espistoj, kiuj — eĉ se ili ŝatas versojn nacilingvajn — ne oferas la ne tro grandan penon, kiu estas bezonata por legi en nia lingvo pli altnivelan literaturon. Do ne estos malutile, se mi iom pli detale konigos tiun ĉi libron. Mi ne volas fari sekan analizadon — ĉu oni povas analizi poemon sen ĝin murdi? — mi volas nur surmontri la belecojn antaŭ tiuj, kiuj ankoraŭ estas tro timemaj por legi Esperantan poemlibron. Pri tio mi sentas min iom rajtigita, ĉar mi havis la feliĉan okazon esti inter la unuaj, kiuj ekkonis tiujn ĉi poemojn, inter la unuaj, kiuj aŭdis ilin, laŭtlegatajn per tiu individua, velura voĉo, kiu impresas, kvazaŭ ĝi venus ne el la gorĝo, sed el la koro. (Kalocsay estas sendube la plej kompetenta interpretanto de siaj poemoj.) Se nur unu el la legantoj de tiuj ĉi linioj iĝos ema preni en manon tiun ĉi ĉefverkon de nia poezio, mia laboro ne maltrafos sian celon: kaj se al unu el tiuj, kun kiuj fratigas min la adoro de l' Belo, miaj linioj malkaŝos belecon senrimarke preterpasitan: mi sentos min feliĉa.

La verkon komencas la sentitola

PROLOGO.

Grandioza uverturo! Kun la jam trankviliĝinta rezigno de l' matura viro la poeto rigardas sian verkon iom fremde kaj indiferente. La rilato inter la poetoj kaj siaj verkoj similas al tiu inter patro kaj filo: la patro generas ilin el la plejesenco de sia memo, konstruas ilin el la karno kaj sango de sia animo kaj kiam prete forŝiriĝas de li la verso, samtempe ĉesas ilia kuneco: la verso komencas vivi sian propran vivon. Kaj okazas, ke ili post jaroj foje renkontiĝas kaj jen, la patro trovas sian idon tiom plenkreskinta, tiom fortikiĝinta, ke li preskaŭ ne rekonas lin!

Ĉu sentojn tiel povis mi ekzili,  
Ke min ne tuŝas jam ilia trem'?  
Ĉu tiel povas mi min malsimili,  
Ke sen kompren' mi miras pri poem',  
Kiun mi kantis iam larme, sange?  
Ho, jes ja, tiel estas, eĉ se strange.«

Kun la duba supereco de l' filozofemo, kiun la aĝo kunportis, la poeto dissendas la trilantajn tintojn de l' kordo trostreĉita de l' ŝaŭmanta Juno: kaj en tiu momento lin pleniĝas ia liberiga sento: forĵetante sian pasinton, sian estintan memon kiel balaston, li kreskigas al si flugilojn por leviĝi al ĉiam pli altaj regionoj.

La libro dividiĝas en sep ciklojn. La unua titoliĝas:

*EĤO DE L' FORTA VOKO*

Tiu ĉi ciklo enhavas la esperantismajn poemojn de Kalocsay. En ili li montriĝas disĉiplo de Zamenhof, kaj en la koloro de la poeta voĉo, kaj en la fiksado de siaj idealoj. Kaj vere, neniu povas esti poeto en Esperanto, kiu ne fermis la zamenhofan *fortan vokon* profunden en la koron. Kio la Fundamento por la lingvo, tio estas la poemoj de Zamenhof por la esp.-a poezio. Kaj kiel freŝe impresas la leganton la ĉi temaj versoj de Kalocsay post la senanima muelado de senvivaj, diletantaj zamenhofiadoj de fuŝpoetoj! Eĉ kie li ankoraŭ ne majstras la materion per la pli posta supereco (Jam kreskas la semo!), kia evoluo, kia pliperfekteco de l' formo kontraŭe al la ĝistiama »verda poezio«! En tiuj ĉi poemoj la esprimiloj de l' poeto estas ankoraŭ modestaj, sed jam ankaŭ ĉi tie montriĝas la fortaj flankoj de l' pli posta Kalocsay. Ekzemple en la supre menciita poemo li jam brilas per sukcesa ekfino de l' verso, kapablo ne tre ofta ĉe poetoj kaj tre karakteriza pri Kalocsay:



*Nudo*

»Kaj via stel' per sia verda hel'
Paligos ruĝan lumon de la Marso!«

Kompreneble la esp-a vivo konsistas ne nur el himnoj, ĝi havas ankaŭ siajn *amarajn horojn*. Al tiuj horoj ni dankas unu el la plej fortaj kaj sincertonaj poemoj de nia literaturo. La poeto sopiras je eĥo, komprenon, koro: kaj ofte li trovas nur la kolektan manion de korespondemuloj, la harfendadon de ĝisostuloj kaj la plej doloran: la indiferentan nekomprenon. Poeto sen popolo! Sed la amara horo flugas for triumfe

»La Forta Vok', en ĉiuj regionoj,
Resonos en la kor' de junaj legionoj.«

Ĉi tiu ciklo enhavas ankaŭ poemojn ĉizitajn kun brila tekniko. Kaj, ĉar ili fariĝis la plej konataj kaj popularaj versoj de l' poeto, ne estas mirinde, ke multaj prezentas al si Kalocsayn, kiel nuran lingvojongliston. Nenio estas pli falsa, ol tiu ĉi opinio! Se la leganto ne lasas sin narkotigi per la timige perfektaj armiloj de l' moderna versteknikо, li ĉiam trovas ĝuon ankaŭ por la intelekto, ne nur por la orelo. Sufiĉas, se mi aludas la potencan, prafortan *Kongresan Runon* aŭ la parencteman »La renkonto de kantoj«. Estas en la ciklo du poemoj, kiuj videble ambicias la ludon pri la formo: la *Sonorilludo* kaj la *Versoj leoninaj*. Sed ĉu sen ili ne estus multe pli malriĉa nia poezio? Se mi volas neesperantiston konvinki, ke la tiel nomata »artefarita« lingvo kapablas por poezio, mi laŭtlegas unu el tiuj ĉi versoj. Kaj la nekredema Tomaso ĉiam konvertiĝas!

Se mi legas tiujn ĉi versojn, ĉiam venas en mian kapon ideo pri juna knabo, kiun surprizas la noveco de l' impresoj pri sia propra korpo: liaj membroj malkaŝas por li miraklajn revelaciojn, li provadas ilin, eĉ en la plej fantastaj gestoj. Estas nia lingvo, kiu sin provas en tiuj ĉi versoj, tial ĝi ĝojas tiom pri sia korpo, la formo. Sed tiu ĉi korpo jam fermas ensorĉite la magian trezoron: la animon de l' poeto!

»Fari kastelon el oro de revoj, sopiroj de l' koro
En la aera lazur' estas belega plezur'!
Brilas per suno la muroj, ĝis nuboj atingas la turoj,
Ĉambrojn en luksa ornam' iras Estrino, la am'.«

La ciklon finas soneto: *Th. Cart mortis*. Pri ĝi s-ro L. N. Newell diris en sia recenzo: »poemo laŭmenda kaj nepersona.« Mi ne povas konsenti tiun juĝon. Per kelkaj simplaj, sed koncize efikantaj vortoj sentigas al ni tiuj ĉi 14 linioj, kion la »Granda Veteran'« signifis al nia movado. Kaj la tutan tekston trasas la varma funebro de l' kompata ĉagreno. La finaj tercinoj tiel perfekte »e'sonas«, kiel ĉe Heredia-sonetoj:

»Konfuze kaj senhelpe ni ĝemas sub ĉi plago.
Sed por animoj grandaj la mort' ne estas fin'!
Li pasis, ve, li pasis, sed restis lia Ago!

Super la tombo ŝvebas, kaj plue gvidos nin
Du praaj malamikoj, kiujn sub verda flago
Mirakle li pacigis: Liber, kaj Disciplin'!«

*LA ENFALINTA MINO.*

Kapricaj humoroj de l' juna viro, kiu falas jen en la malhelajn abismojn de l' splena pesimismo, jen en la plej sunĝojajn jubilojn de l' beata vivjesado.



*Lumefektoj*

Juneco kaj mondĉagreno! kiom ofte ili jam renkontiĝis en la poezio! Sed la voĉo de l' »enfalinta mino« diferencas iom de tiu de la antaŭaj generacioj: ĝia pesimismo estas pli objektive motivita. La leganto aŭskultas al la voĉo de generacio, kiu vidis kaj mem partoprenis la mondmiliton. Kaj krom la versoj, en kiuj la poeto per petolaj rimoj ludas pri la ne troserioza individua ĉagreno, troviĝas poemoj, en kiuj ekvibras pli forta kaj dolora tono: tie la lingvo kaj esprimo fariĝas pli simpla, memvole rezignante pri la iloj de l' ekstera efiko, ambiciante impresi nur per la masiveco de l' ideo mem.

La ciklon enkondukas *Iras abiturient'...*, eta ĉefverko de forma perfekteco, vivfreŝa rememoro kaj flirtanta fantazio. Kiu iam, forlasante la senzorgajn kaj senkonscie feliĉajn jarojn de l' studenta vivo, ekstaris sur la sojlo de l' Vivo tiom multpromesa kaj por momento rerigardis kaj subite sentis, ke la rozkolora memfido de l' junaj muskoloj iĝis iom malcerta pro la dubo, ĉu vere al monto kondukas la plua vojo aŭ al deklivo: tiu fermas tiun ĉi poemon, kiel trezoron en la koron!

Junajn virojn ofte obsede atakas la deziro: vagi malproksimen, sola, deĵetante ĉiun katenantan ligilon. Kutime tio estas natura kaj malespera lasta provo por eviti ĉies komunan sorton: la filistrecon. Se la okuloj jam malfermiĝis kaj la idealismajn revadojn de l' junulo la realo jam vundis morta, ektriumfas la spleno:

»Rezigni pri ja vana lukto
(Feliĉon ankaŭ venk' ne portos),«

(Maldolĉa kanto)

»Kiom utilas ja, al kiu plaĉas,
Ke, jen, mi estas bona, kiel pano,
Kaj mi sekiĝas, aŭ min mus' formaĉas?...«

(Ribeleto)

La juna temperamento facile glitas en kontraŭajn ekstremojn. La melankolian seniluziiĝon sekvas spito, la spito rezultigas ian amaran, perfortan ĝojon, kiun elinterne protektas la natura inklino de l' juna korpo al la optimismo. El tiuj miksitaj radikoj elburĝonis la *Kanto de vagabondo*, unike freŝa floro de nia liriko. Kalocsay mem muzikigis ĝin kaj jen nova surprizo! Lia *prothee* diversforma genio malkaŝas al ni novan flankon: li estas talenta komponisto. La *Kanto de vagabondo* meritas la plej vastan disvastiĝon ĉe nia publiko ne tre kutimigita al bonkvalitaj originalaj Esperanto-muzikaĵoj.

Ĉu oni restas hejme, ĉu oni travagas duonan mondon, la fina konkludo estos la sama: oni devas veni al la nerifuzebla rekono, ke ĉiu neeviteble kaj definitive *sola* devas fari la vojon de la lulilo ĝis la ĉerko:

»Ĉu en ĉambreto, dum vespersilento,
Aŭ eĉ en la tumulto de l' popol',
Subite ne atakis vin la sento,
Ke estas vi en sol', en surda sol'?«

La ciklon fermas du impete forttonaj poemoj. Liberaj versoj: nenia kateno, nur foje-foje aperas modeste kaŝiĝemaj rimoj. La *Homo:* potenca himno al la sinjoro de l' Tero, al la triumfa subjuganto de l' metalo, akvo, vento, fajro, al la timinda ordonanto de l' maŝinoj, al la dolĉvoĉa kantisto de sonoraj melodioj, al la venkinto de l' Vivo kaj... krevantaj sonoriloj, ĉifoniĝintaj vortoj al la murdisto, al la *falinta* anĝelo kaj laca rifuĝo al la senkulpeco de l' naturo, al la

»... tragika muteco de l' ŝtonoj.«

*AGLO KAJ KOLOMBO.*

Pasiaj amkantoj plenaj de juna ardo. La tuta entuziasmo, la sindona adoro de l' unuaj amoj pulsas en tiuj ĉi versoj. Laŭ la forma ellaboro ili ne estas tiom perfektaj, kiom la pli postaj ampoemoj. Plurfoje la forto de l' pasio estas tro impeta kaj subpremas la artiston. Plurfoje la poemoj estas tro personaj, la artisto ne levas ilin al la nivelo de komune homa interessfero. Sed ankaŭ ĉi tie ravas nin la eleganta delikateco de l' esprimo, la facila kaj flua ruliĝo de l' ritmoj, la intensa, sed deca erotiko. Ankaŭ ĉi tie ni trovas brilajn pecojn, mi menciu nur la lastan, la kanton pri la sorĉa, sonorila rido de l' amatino:

»La ĝoj' en mi jam estas vekiĝanta.
Infan' ankoraŭ, sed infan' giganta:
Destinis lin la Sorto por miraklo!
Jam, se atakos la dolor' inside,
Per eta man' li ĝin sufokos ride,
Kiel serpenton en lulil' Heraklo!«

*(Ridu, kara)*

KORPRINTEMPO.

*Maja idilio!* Festa posttagmezo de urbano. Saltante jubila vivĝojo pro la libera freŝa aero, la herba verdo, la ĉiela bluo kaj... pro la printempa amo. Triumfa panegiro de l' troplena Juno. La naturon Kalocsay rigardas per la avide malsataj okuloj de l' urba intelektulo, kiu la ne tre oftajn okazojn de l' ekskurso al la verdo ĝuas kiel ferion: ferion inter la griza monotoneco de l' vivo en la ŝtonarbaro. Dum ferio ni ĉiuj iom reinfaniĝas, des pli, se la maja amo dolĉigas ĝin. Kaj kio okazas, se du infanoj kunferias? Ludo! Car la homo nur dum ludo povas esti feliĉa kaj la infanoj pli bone konas la vojon al la feliĉo... Knabaĝaj rememoroj vekiĝas en la poeto: forgesitaj ritmoj, delonge ne aŭditaj kantoj. La ritmo kaprice ŝanĝiĝas, la rimoj petole interplektiĝas: ludas ankaŭ la verso. Esperanto ankoraŭ neniam sonoris kun tia plena formarto; tamen samtempe kun tia facileco kaj fleksemo, kun tia preteco kaj samtempe kun tia senartifikeco. Unua kaj unika trezoro estas la lingvo de l' *Maja idilio*, unue ekparolas en nia lingvo la naive simpla kaj infana Ĉarmo.

*Duopa psalmo:* sentempa senvelka preĝo de geamantoj. Plena de moderna maltrankvilo pro ebla elreviĝo en la estonto kaj klasike greka harmonio kaj pureco de l' formo. Ĉiam renoviĝanta, ĉiam nova provo por eternigo de l' Sento, por haltigo de l' Minuto.

La unuaj kvar cikloj enhavas la pli fruajn poemojn de Kalocsay. (Escepte kelkajn pli malfruajn.) Ili respegulas la junan poeton. Nun la vojo gvidas al ĉiam pli profundaj temoj kaj al ĉiam pli altaj suproj.

*(Daŭrigota.)*

## *Sur viandbazaro*

**– Johannes Schütz –**

Premite tablo apud tablo staras,
aŭdiĝas ina insultad' kaj rid',
de l' tuktegmentoj neĝ' surkapen falas,
briletas sun' matena kun rigid'.

Jen trapafitajn kolojn tetroj havas,
jen pendas urogalo de stanget',
rigardo vitra de lepor' vin trafas,
paf-difektita estas la pied'.

Perdrikoj tie kuŝas kunligite,
sub tuko ŝirma jen anser-amas' —
tra la okuloj ĉio apetite
eniras buŝon jam dum preterpas'.

La tablojn ŝarĝo tro abunda premas,
ĝi elmetiĝis kvazaŭ por parad':
vendlokoj je pendantaj bestoj plenas,
sur blokoj — freŝaj porkoj por hakad'.

Tendenaj pecoj jen aparte kuŝas,
kaj jen virŝaf', senhelpa laŭ aspekt',
rostaj-tranĉaĵoj sur la tabloj ruĝas,
en kest' — bovinokapoj por elekt'.

Jen kvazaŭ rostroj — grasaj ŝafovostoj,
jen lard-amasoj, pretaj por distranĉ',
marĉandas ie malriĉul' pro ostoj,
el kiuj fari supon por tagmanĝ'.

Intest-restaĵojn petas almozulo,
grasaĵon la drinkejo-posedant' —
ke nokte ĝin elvomu diboĉulo,
post kiam manĝis li en troa kvant'.

El la estona: *Hilda Dresen*



# OBSERVO

## GAETAN DE GENNARO

***La bildoj de la nuna numero estas de G. Gennaro.***

Gaetan de Gennaro (pr. ĝenaro) estas juna itala pentristo vivanta en Parizo, kies sincera kaj lojala talento renkontas pli kaj pli la meritan sukceson. Lia specialajo estas la portreto, kiun li traktas kun sprita sed tamen konscienca vervo. Lia maniero estas novklasika ; li ne kredas necesa, ke liaj modeloj estu nerekoneblaj. Simple, kun bela ekvilibro li montras al ni realon iom idealigitan, aŭ, plibone, stiligitan. Liaj verkoj estas karakterizataj per strangeta, nepreciza, fora rigardo, kiun li donas al preskaŭ ĉiuj siaj modeloj : oni nomis lin la pentristo »de la interna rigardo«. Jen kial liaj portretoj kaŭzas al ni impreson pri ekmiro, surprizo, neatenditeco.

Trarigardante la fotojn enhavatajn en tiu ĉi numero, oni rimarkos facile la preferon de la artisto por la negroj. Al S-ro Bresle, kiu demandis lin pri tiu punkto, li respondis, en privata letero : »mi opinias, ke la muskolaro reliefiĝas pli bone sub la nigra karno, kaj la haŭto mem, elasta kaj lubrikita, faciligas la flekseblon de la penikado... Ekzistas negroj bronzkoloraj, olivverdaj, kupraj, sienflavaj (1) kun violaj rebriloj, kaj ceteraj... Mi multe ŝatas la studon de la nigra raso. Tion kaŭzas pure plastikeca altiro. Mi amas ankaŭ la praavan esprimon de tiuj homoj. Al mi plaĉas traserĉi la fundon de ilia mistero, sed, kiam mi estas antaŭ modelo, ĉu nigra, ĉu blanka, mi evitas la morbidecon (2).«

Gennaro laboras rapide, laŭ la unua inspiro. Kelkaj horoj sufiĉas al li por ordigi kaj centrigi la pentrotajon, skizi, meti la kolorojn. Li faras nur unu skizon por ĉiu tolajo.

En tiu pentristo, kiu kurioze miksas modernecon kaj klasikecon, la sencoplena altiro al la nigruloj denuncas en li tiun ŝaton por la ekzotikajoj, tiun malsanetan amon por la strangajoj, kiu kuŝas en la fundo de preskaŭ ĉiuj artosentemaj animoj.

Laŭ Valentin Bresle (3) resumis :
*G. Waringhien.*

LIBROJ PRI PATROJ KAJ FILOJ. La antagonismo inter patroj kaj filoj, junuloj kaj maljunuloj, estas tre malnova, ŝajne eterna temo de la literaturo. Ĉiu nova generacio sin trovas kontraŭ la alia generacio kaj havas sian literaturon, kiu, en la formo de l' plenumiĝo de sopiro, pravigas kompreneble la junulojn. La antagonismo de la du generacioj eble neniam estis tiel akra kiel nun kaj pro tio ne estas hazardo, ke el la libroprodukto de la lasta duonjaro venas antaŭ nin per unu fojo tri libroj kun tiu ĉi problemo, tri seriozaj kaj literature valoraj libroj.

La unua estas la romano de *Vardis Fisher : »Dark Bridwell«.* Inter la plej nova angla libroprodukto estas grava okazajo la apero de tiu ĉi romano. Novan paradizon volas krei *Charles Bridwell* laŭ siaj sopiroj kaj imagoj, kiam li ekrestas en la praarbaro de *Idaho* kaj komencas tie sian vivon, penan kaj riĉan je brutalajoj. Libera vivo. Li murdas, se necese, li ŝtelas, se necese por la primitivaj vivbezonoj kaj li tenas en sia potenco la edzinon kaj filon, sentas sin feliĉa kaj vidas realiĝintaj siajn strangajn fantaziajojn. Kontraŭ lia perforto estas vana la sopiro de la edzino al alia mondo kaj alia vivo. Subpremite kaj turmentite ŝi devas rezigni. Sed la filo heredas ne nur de la patro, sed ankaŭ de la patrino. Li heredas la brutale sovaĝan forton de la patro, sed ankaŭ la sopirojn kaj imagojn de la patrino, pri pli bela, pli pura, pli bona vivo. La plenkreskinta juneco kontraŭiras la maljunan forton. Kaj Zed, la filo, fine detruas ĉi tiun artefarite kreitan paradizan pravivon kaj ekstermas la patron. La angla verkisto prezentas en koloraj kaj riĉaj bildoj tiun ĉi strangan familian vivon, kun ĝiaj jen belaj, jen sangaj eventoj.

Same la antagonismo de patro kaj filo donas la problemon al la nova romano de la plej serioza angla verkistino : *Virginia Wolf.* La titolo de la nova romano estas : »Ekskurso al la lumturo«. Patra perforto kontraŭ alidirektaj sopiroj de l' familio. La ekskurso mem al la lumturo foje ja vere projektiĝis, ĝin decidis patra volo, sed intertempe venis malbona vetero kaj la ekskurso prokrastiĝis. Pasis jaroj. La patrino mortis ; ŝiaj beleco kaj varma koro jam ne mildigas la severan puritanecon de l' patra rego, mortas ankaŭ la du fratoj kaj la plej juna filo plenkreskas. Tiam fine realiĝas la ekskurso al la lumturo. Kvazaŭ simbole : en la antagonismo inter patro kaj filo : la venko de l' volo kaj sopiroj kaj vivforto de l' filo : kiam la boato vere ekiras al la lumturo. La romano mem propre rakontas la historion nur de du tagoj. Tiun de l' prokrasto kaj tiun de l' realigo. Sed sur la horizonto de tiuj ĉi du tagoj sentiĝas ĉio okazinta dum tiuj longaj tempoj, ne nur en eksteraj okazajoj, sed en la konfliktoj de maljunuloj kaj junuloj,

Kun la problemo de juneco kaj maljuneco aliĝas kiel tria al la supraj la verko de *Martha Ostenso : Akvoj sub la tero.* Tiu ĉi norvegdevena nordamerika verkistino en tehniko kaj voĉo estas proksime parenca al la antaŭa verkistino. Kaj parenca ankaŭ en la emo de simbolismo. Sub la tero, sub ĝia dura kaj rigida krusto, senĉese fluas la akvoj kaj, kiu fosas iom pli profunden, tiu riskas, ke sovaĝa kaj eksplodanta gejziro alfrapas. Evidente la plej juna filino el la sep estas, kiu, kvazaŭ gejziro, trarompas la rigidecon de l' patra volo. La romano konsistas el ok partoj. Inter ili la unua kaj la lasta ĉapitroj havas la nomon de la heroino de l' romano : *Charlotta,* kaj la interaj ses la nomon de la ses fratinoj. *Charlotta,* kiel plej juna fratino, vidas unu post la alia, kiel alvenas en sia plenkresko ŝiaj fratinoj al la ekflagro de siaj virinaj kaj homaj deziroj, kiel ili ekflugas, sed renkontante la puritanajn leĝojn de la severa kaj pia patro, ili refalas tien, de kie ili ekiris. La instruo de la sorto de ses fratinoj ŝildas la impeton kaj forton de la sepa, kiu fine scias sin teni kontraŭ ĉiu. Ŝi estas la sola, destinita por libero, ŝi do atingas ĝin.

*Karlo Bodó*

1. Havanta la koloron de la »terra di Sienna«.
2. Svelmola delikateco de la karnoj.
3. La kliŝojn por tiu artikolo afable disponigis al ni s-ro Valentin Bresle, direktoro de la revuo »La Mercure Universel«, 204 rue Solférino, Lille, France.

# D I S K U T O

ĈU ORIGINALA AŬ TRADUKITA LITERATURO?

En nro 4. de Literatura Mondo estis publikita artikolo de Lejzerowicz sub la supra titolo. La aŭtoro subtile, tamen insiste penas pensigi al la legantoj, ke nuntempe por Esperanto valoras nur tradukita literaturo. Koncerne la originalan literaturon li rekomendas dume atendi por nedifinita tempo. »Se efektive Esperanto iom pli poste kondukos la homaron al nova kulturo, tiam verŝajne ankaŭ por ĝia originala literaturo malfermiĝos nova horizonto.« diras la aŭtoro. Estus granda eraro kontesti la signifon de la tradukita literaturo, sed diri, ke por originala literaturo ankoraŭ ne venis la tempo, estas ne malpli erare.

Koncerne la tradukojn ĝenerale plejmulto de lingvistoj havas certan opinion. Mi citu unu el ili. Jen kion parolas prof. Mladenov en sia verko »Enkonduko en la ĝeneralan lingvosciencon«: Kiu volas efektive kunesti spirite kun la grandaj genioj de la Parolo, tiu devas legi la poemojn de Homero, la »Divina Comedia« de Dante, la dramojn de Shakespeare la Faŭst-on de Goethe ktp. en originalo. Ĉiuj ĉi verkoj estas netradukeblaj! Aserti la malon ŝignifas ne koni la fundamentan antinomion de la lingva agado... « (Heroldo de Esperanto 1930. nro 37.)

Sendube ĝi estas troigo, sed certe estas vera, ke plej bona traduko neniam povas transdoni al la leganto ĉion, kion donas la originalo. Kaj esp-istaj tradukoj (malgraŭ, ke Esperanto estas plej fleksebla kaj perfekta el la ekzistantaj lingvoj) ankaŭ ne estas esceptoj el tiu regulo. Tial solvante la problemon, kion preferi: originalan aŭ tradukitan literaturon, oni neniuokaze povas neglekti tiun cirkonstancon. Krome oni ne devas forgesi, ke tiuj grandiozaj kreajoj, pri kiuj parolas s-ro Lejzerowicz en la fino de sia artikolo, tuj post sia agnosko estas tradukitaj en naciajn lingvojn, en kiuj ĉiuj esp-istoj (se li nur ne estas negro, indiano aŭ papuo) ĉiam povas legi ĝin.

La esperantistaro ne estas nacio, sed oni ĝin povas konsideri kiel popolon, kiel ian ampleksan unuon. Estus interese scii, kiu do popolo, kiu nacio fieras pri tradukita literaturo? En kiu ŝtato uzas la plej bonaj literaturistoj propran, sed nur por transdoni produktojn de fremda propran, sed nur por transdoni produktojn de alies kreado?

S-ro Lejzerowicz tute pravas dirante, ke ekzemple hungaroj, germanoj, poloj kaj ĉehoj vivas en malsamaj sociekonomiaj kaj vivmanieraj cirkonstancoj, havas malsaman kutimon kaj parolas malsamajn lingvojn. Sed tio tute ne necesigas, ke ĉiu naciano verkonte ian artverkon, nepre devas sin turni al la fantazio aŭ prediki antagonismon kaj malamon kontraŭ fremdaj popoloj. Ĉu la literaturo sin okupas sole pri tio, ke ĝi primokas »mankojn« de la loĝantoj post la limoj de la koncerna ŝtato, idealigas la patrujon aŭ ŝvebas en superteraj sferoj? Nenio malhelpas al ĉiu verkema naciano, posedanta Esperanton, ĉerpi la temojn el la reala vivo (ne forsendante siajn heroojn al la landoj de l' Fantazio aŭ en la epokon de Nerono) kaj tamen krei verkojn ne ofendajn al alinacianoj. Per kio do tia literaturo diferencos de la literaturo tradukita el fremdaj lingvoj? Evidente nur per malpli granda talenteco. Estas sendube, ke verkoj, similaj al la cititaj de prof. Mladenov, perloj de naciaj literaturoj mankas kaj eble ankoraŭ longe mankos en la esperanta originala literaturo. Sed tio ja estas tute natura. Naciaj literaturoj evoluis dum jarmiloj. Sed jetu la rigardon al la historio de ajna popolo kaj vi vidos multegon da senutilaj, batastaj verkoj, kiuj ne havis valoron eĉ por sia epoko. Kiom da laboro estis elspezita antaŭ ol ekaperis pli-malpli valoraj verkoj, antaŭ ol ellaboriĝis stiloj. Kion do oni postulu de la juna esperanta literaturo, kiu ankoraŭ eĉ 50 jarojn ne ekzistas?

Tial, ŝajnas al mi, ne rajtas s-ro Lejzerowicz s'arigi jenan demandon: »Ĉu niaj plej bonaj, plej kapablaj plumoj devos sian tutan energion streĉi por krei en la plej bona okazo ion tre mezkvalitan — dum grandiozaj kreajoj de mondkonataj majstroj simple petegas, ke oni traduku ilin en nian belan, gracian lingvon?«

Mi opinias, ke ne nur valoras, sed eĉ necesas streĉi la fortojn por unuatempe doni ion, eĉ tre mezkvalitan. La vojo al perfekteco estas komplika kaj malfacila. Se el sub la plumoj de niaj originalaj verkistoj nun aperas nur verkoj mezkvalitaj, ni ne devas tiel pensi, ke ankaŭ estonte ni ne havos majstrajn verkojn. Originala esperanta literaturo havas bonan estontecon. Ĝi povas kaj devas utiligi atingaĵojn de la literaturoj naciaj. Ĝi devas ensorbi ĉion plej bonan, kaj eviti tiujn erarojn, kiujn faris la naciaj literaturoj dum la longa procezo de evoluo. Ni devas atingi tion, ke la literaturo esperanta havu siajn majstroverkojn, kiuj estu indaj tradukiĝi en naciajn lingvojn. La originala esperanta literaturo devas fariĝi egalrajta kompare al la literaturoj naciaj. Per tiu vojo nia lingvo plej rapide pruvos sian vivkapablon, sian rajton por la ekzisto. Esperanta movado estas lukto, lukto kontraŭ skeptikismo, diletantismo, konservativismo. Estas malbone, resti pasiva en ajna lukto; tio — krom tre maloftaj esceptoj — kondukas al malvenko.

Kion do proponas fari s-ro Lejzerowicz?

»Ĉe la maro ripozi, en la revoj nur krozi
Kaj atendi pli bonan veteron«

Atendi ĝis Esperanto estos »oficiale« agnoskita. Nur tiam — liaopinie — malfermiĝos pli vastaj horizontoj por la originala esperanta literaturo.

Nu, tia atenda politiko ĉi-okaze ne taŭgos. Ni mem devas malfermi kaj vastigi tiujn horizontojn! Ni devas krei propran literaturon, kiu laŭ la kvalitoj ne estu malpli alta, ol la literaturoj naciaj. Ni devas aspiri, ke el Esperanto oni traduku en lingvojn naciajn.

Kaj tio ne estas utopio, ĝi estas realaĵo de ne tro malproksima estonteco. »Abismoj« de J. Forge estas tradukita al lingvoj finna kaj ĉina. Ĉu tio ne estas brila sukceso? Ĉu tio ne estas plej bona propagando por nia lingvo?

DO:

Kreo de propra originala literaturo, propraj majstroverkoj, havantaj internacian valoron, jen estas — ŝajnas al mi — la misio de Esperanto.

*E. G.*

---

NIA TITOLPAĜO

Kiel niaj legantoj vidas, en la konkurso venkis la titolpaĝo nro III. Jen la preciza rezulto de la voĉdonado:

Titolpaĝo I.: 12 voĉoj. Titolpaĝo III. 68 voĉoj
Titolpaĝo II.: 44 voĉoj. Titolpaĝo IV. 23 voĉoj.

Tiel do pri la ĉijara titolpaĝo ne estas responda plu nia unuflanka modernemo, ĝi estas elektita, per tute demokrata vojo, de nia legantaro mem.

# RECENZO



*Ĉiujn librojn, ricevitajn en du ekzempleroj, ni recenzas. Unuope ricevitajn librojn ni nur mencias. — La recenzoj esprimas nur la opinion de la recenzinto kaj ne tiun de la redakcio. Pro tio la redakcio tre volonte publikas interesajn kontraŭopiniojn, koncerne kiun ajn aperintan recenzon. — La libroj, ĉi tie menciataj kaj recenzataj, estas haveblaj ĉe la librofako de nia eldonejo.*

JOOST VAN DEN VONDEL: GYSBREGHT VAN AEMSTEL. Tragedio. El la nederlanda tradukis: Ir. J. R. G. *Isbrücker.* 82 paĝoj. Eldonejo: Zutphen-W. J. Thieme & Cie, 1932. Prezo sv. fr. 4.40

Joost van den Vondel, la »Princo de la nederlandaj poetoj«, (1587—1679) estas la plej elstara verkisto de la nederlanda literaturo en la XVII-a jarcento. Li verkis multajn dramojn sub la influo de la klasika latina literaturo kaj de la franca dramo. Pleje sukcesis lia »Lucifero«, grandioza koncepto kiu inspire efikis je Milton. Kun *Gysbreght* oni inaŭguris la novan teatron en Amsterdam en la jaro 1638. Tiu ĉi tragedio temas pri sanga, plie legenda, ol historia epizodo de l' nederlanda mezepoko. Kiel modelo servis al li la rakonto de Vergilius pri la sieĝo kaj okupo de Trojo. Kaj estas interese: dum lego oni ricevas la impreson, ke Vondel havis pli fortan talenton por trankvila epika rakontado, ol por scenigo de dramaj situacioj, kvankam oni devas rekoni, ke kelkfoje — precipe en la kvara akto — tuŝas la leganton la vento de l' tragikaj eventoj. Komprenebla la konstruo de l' dramo estas ankoraŭ primitiva, akcesorajoj, kiel: enkonduka monologo, ĥoro, anĝelo Rafael kiel »deus ex machina« ne mankas.

Ĉu *Gysbreght* estas tia verko, kies tradukon nia literaturo nepre bezonis? Mi ne kuraĝus respondi per nepra jeso. Mi pensas, ke »Lucifero« (se temas pri klasikaj verkoj) pro sia internacia temo povus pli intensan interesiĝon veki ĉe nia publiko. Kaj per tio mi ne volas kontesti la kvaliton kaj valoron de *Gysbreght*, kiu certe havas sian nemalgrandan signifon en la literaturhistorio kaj lingvoevoluo de Nederlando. Sed estas certa fakto, ke ekzistas duspecaj literaturaj valoroj: internaciaj kaj nure naciaj. Kiel ekzemplon mi mencias nur la nomon de Schiller, kiu havas tute alian pezon en la internacia literaturhistorio, ol en la germana. Aŭ kontraŭe: Byron kaj Shelley estas eksterlande pli konataj, pli aprezataj, ol en Anglio. Kaj tio ja estas natura. *Gysbreght* por la nederlanda leganto certe donas tiajn rememorojn pri la nacia pasinto, ĝia arkaika lingvo tian ĉarmon, tiajn asociaciojn, tiajn *imponderabilia*, kies estetika validiĝo perdiĝas por la eksterlanda leganto. Laŭ mia opinio nia publiko preferus konatiĝi kun moderna verko, kiu pli proksime staras al ĝia pensosfero. La legantoj de klasikaj tragedioj reduktiĝas je ĉiam pli kaj pli malmultnombra grupo.

La traduko de *Gysbreght* estis neordinare kuraĝa ago, ĉar la tasko estis ekstreme malfacila kaj rekompence la tradukinto povis kalkuli nur je malmultnombra publiko. En la antaŭparolo s-ro Isbrücker prezentas siajn principojn sekvatajn dum la tradukado. Inter aliaj li diras: »Mi opinias, ke klasika nacia verko decas esti tradukata en klasikan Esperanton.« Tiun ĉi principon mi trovas nepre sekvinda kaj mi povas nur ĝui la lingvon de la esperantigita *Gysbreght*, vere klasika Esperanto, ĉerpita el la plej kristale puraj zamenhofaj fontoj de nia lingvo. Sed mi pensas, ke la versteknikaj principoj de l' eminenta tradukinto estas iom rigide konservativaj. Laŭ mia opinio moderna versteknika tute ne malutilus al la klasikeco de iu verko, eĉ ĝi iom malgrandigus la distancon inter la verko kaj la leganto. S-ro Isbrücker severe evitis la rimoidojn kaj tio rezultigis, ke liaj rimoj estas brile puraj, sed ili ofte ripetiĝas kaj monotone efikas. La personaj pronomoj ludas tro grandan rolon en la rimaro de l' verko kaj kelkfoje troviĝas eĉ nuraj adasismoj. La sukcesa tekniko de l' traduko nekontesteble pruvas, ke la tradukinto facile estus povinta eviti ilin, se li ne estus perfortinta siajn rigorajn principojn.

La nomon »Mario« mi uzus en la formo »Maria«, kiel en la Biblio-traduko. »Mario« impresas kiel itala virnomo.

Nia literaturo riciĝis per grava verko. Estas tasko de nia publiko rekoni tion.

*Ludoviko Totsche*

JOHANNES BARBARUS: *Horizontoj.* El la estona: Hilda Dresen. Eldonis: Esp. Asocio de Estonio en Tallinn. 1931. 78 p. Prezo: 6 respondkuponoj aŭ egalvaloro

Johannes Barbarus estas interesa poeto: muzikanto de novaj tempoj: »For liron, la mucidan! La fanfaroj, — trumpetoj estas nia muzikil' — for la dormantojn, maturiĝis bakanaloj, — ekŝvelas koro arda jam pro maltrankvil!« Poeto de fanfaroj, arda maltrankvilo, grandurba ŝajna,sistema anarkio, zigzagoj kaj geometrio, harmonio kaj revolucio; lia naturo estas tipe moderna - esplorema kaj esplorinda fenomeno! Poeto, kiu sovaĝe sopiras forŝiri sin de virina subtileco. Originala, ne ĉiutaga muziko: melodioĉifonoj el la neforviŝebla infanaĝo, miksitaj al la ritmigita bruo de la grandurbo.

»Al la tero ligita mi — ja per radikoj sentas min,
— sed per branĉoj streĉitaj mi — alten etendas min.«

La alta horizonto, al kiu la branĉoj sin etendas, estas malpli limita ol la tero, kien niaj radikoj ligas nin, tamen ni ne povas liberigi nin en la aeron, en la mondon de muziko kaj geometriaj puraj formoj. Se oni tion komprenus, Barbarus plej volonte dirus ĉion, diritan en la libro, per muziko, aŭ geometrio, ĉar ili ja estas sendependaj de la tera ligiteco. Li estas revoluciulo, sed kun multa optimismo kaj sereneco. Eble unu el la plej talentaj kaj konsciaj revoluciaj poetoj, kiu ne volas ŝajnigi sin pli kruela, ol li estas. Mi opinias, ke li estas pli proksima al la *Gironde* (se nepre necesas, estu sango), ol al la partio de la jakobinaj ĉapoj. Kvazaŭ li serĉas la vojon de la revolucia evoluo.

Li ne povas nei, ke, malgraŭ ĉio, la vivo estas bela (eble ĉar novaj ebloj en ĝi kaŝiĝas): »De malsupre muziko sonadas — polifona, ravoplena ario, — trama kaj aŭta Avemario. — Ho, surduloj, mi vin kompatas!« Rezigne li konstatas, ke la mondo estas fermita, tamen, li ne volas trabori la ĉielon: »Realo — nur iluzi', — sed ĝi fariĝu realo jam!« Bonege li konas sin kaj la homon kaj liaj konstatoj estas ekzaktaj, tamen poeziaj.

Hilda Dresen estas unu el niaj plej bonaj poemtradukantoj — tion ŝi ree pruvis per ĉi tiu libro. Ŝia formpreteco preskaŭ ĉiam triumfas pri la malfacilaĵoj, kiun la kapricaj rimoj kaj ritmoj de la originalo prezentis al ŝi. Eble ia rigideco de esprimo estus riproĉetebla, kiu en ĉi tiuj tradukoj pli sentiĝas, ol en la Under-tradukoj. Sed plejparte ŝi tre bone prezentis en Esperanto ĉi tiujn virtuozajn polifoniaĵojn.

*F. Szilágyi.*

NOVSPECAN PROPAGANDILON eldonis Eld. Societo Esperanto, Stockholm, Svedujo. Ĝi konsistas el malgranda mondatlaso, »La tuta mondo sur 14 landkartfolioj«, uzata de diversaj firmoj kiel reklamilo. La eldoninto aldonis propagandan tekston pri Esperanto kaj vendas ĝin je prezo de sv. kr. 0.35. Ĝi estas vendata kiel mondatlaso, ne kiel propaganda broŝuro esperanta. Ĝi tamen servas kiel propaganda broŝuro.

# REDAKCIA POŜTO

Nepublikotaj manuskriptoj :

*Noveloj, observoj, teatraĵoj k. s. :*

Kial la kaŝtanujo havas la signon de la hufo de ĉevalo ; La virinoj el Ŝtavoro ; La preĝado ĉe la indianoj ; La unua de majo (traduko) ; Princo Jozefo Poniatowski ; La mortanta kamparano ; La kuracisto kaj la morto ; La blua papilio ; El taglibro de frenezulo ; Fabelo ; Nacia propagando ; Ia fragmento ŝirita el ies koro ; Ombroj ; Kiel Mark Twain plibonigis ĉetablajn moretojd de la Usonanoj ; Ĉiu al sia propra odoro ; Transplantitaj Ŝercoj ; Genezo de Ideo; La du princinoj; La eliksiro de la feliĉo ; Rakonto el la malproksima oriento ; Ŝiaj larmoj ; Dudek tagoj da Napoleona vivado.

Dudek tagoj da Napoleono vivado.

*Poemoj :*

Penso en tago nebulema ; Subita penso / La eterna refreno ; La korvo de E. A. Poe / Febra nokto ; Aŭtunmario / Mia kredo / La ĝojo estis nur momenta; Formortis rid' ; Amaro horo ; Ĉe lago; Sunleviĝo; Per sufero kaj laboro / Venu kun mi / Floreto / Por kio ? ; Ĉu estas ebla ? / Serajlkanzono ; Donacante bukedon / Patriotismo Internacia / Kaliopa / Vulzio ; Interkompreno ; Rivero / Fanfaroj / Malsaĝa ago; Sorto / * * * ; Kanto de Tunguzo ; Ventego de Puŝkin / Sin miedo ; Reviga vespero / Angoro ; O, olesy / Amo ; Ne demandu / Ostrava ; Kiu anstataŭos min / For la negativismo /

*Korekto*

En nro 10. sur la paĝo 227, dua kolono, de supre la kvara linio enhavas gravan, miskompreneblan preseraron. Bonvolu legi tiun linion jene :

*vokalo, kiun sekvas vokalo aŭ nur unu konsonanto*

*Abonantoj en la unua periodo.* S-ro De Boes, Ronse proponas, ke ni eventuale pretigu taŭgan bindaĵon ankaŭ por la unua periodo, por tiuj, kiuj havas ĉiujn numerojn, sed ĝis nun ne bindigis ilin. Ni volonte farus tion, se ni scius, ke ekzistas sufiĉa nombro da abonantoj, kiuj deziras havi ĝin. Ni do petas ĉiujn interesiĝantojn, skribi al ni. Ni povas liveri tiajn por ĉ. 0.30 dolaroj po bindaĵo.

*S-ro Saaltink, Arnhem.* Se vi ne ricevas iun numeron, bonvolu reklamacii plej malfrue du semajnojn post tiu dato, kiam devis aperi la koncerna numero. Postajn reklamaciojn ni ne plu akceptos.

*S-ro Fejér, Debreczen,* s-ro Homar, Brod. Viaj abonoj estas ricevitaj.

*S-ro Surnikowski.* La 10-an numeron vi certe ricevis intertempe. Pluaj numeroj en tiu ĉi jaro ne estas. Legu pri tio nian redakcian sciigon en nro 8. (al sro Ginz, Praha)

*S-ro Degen, Sembach.* Ni plenumas vian peton.

*S-ro Narita, Nagoja.* Intertempe ni ekspedis al vi la 1-an kaj 2-an numerojn, do via nun sendita abonsumo validas nur ĝis oktobro 1932. inkluzive.

*S-ro Brian Price-Heywood.* Via abono finiĝas per la nro 2. 1932.

*S-roj Bofill kaj Jansson.* El via rento post depreno de abono 1932. + bindaĵo restas ankoraŭ po P. 7.— Kion ni sendu al vi ?

## Nia nova abonprezo

estas fiksata en dolaroj nur pro ĝia stabila valoro. Kompreneble ni kaj niaj reprezentantoj akceptas egalvaloron en la mono de la koncerna lando, laŭ la kurzotabelo de la tago de ekspedo flanke de la abonanto.

Bonvolu do noti : Tutjara abono dol. 1.80, duonjara dol. 1.—, kvaronjara dol. 0.60. Opa numero dol. 0.20.

Junulo deziras korespondi kun klera junulo aŭ junulino el Sovetio. Sendu viajn leterojn al Ludoviko Speth, München, St. Martinsplatz 9. III. b/Gietl, Germanujo, por junulo.

## Tiel malfermu la tubon !



**Responda redaktoro: *Karlo Bodó***

**Redaktoroj: *Francisko Szilágyi kaj Ludoviko Totsche***

**Ĉefkunlaborantoj :** *J. D. Applebaum (Liverpool), A. Behrendt (Berlin), P. Bennemann (Leipzig), M. Beraru (Bucuresti), J. Berger (Köln), M. Blassberg (Krakow), S. Bartha (Budapest), Helmi kaj Hilda Dresen (Tallinn), R. Eichenbaums (Jelgava), Miloŝ Lukáŝ (Trnava), Jean Forge (Bydgoszcz), S. Grenkamp Kornfeld (Paris), Parvus Piscis (Budapest), R. Hromada (Praha), Teo Jung (Köln), I. Yurista (Czesztohowa), S. Kamaryt (Bratislava), E. Knutsson (Malmö), I. Lejzerowicz (Lodz), W. Lippmann (Leipzig), Petro Firu (Bucurest), T. Morariu (Cluj), L. N. Newell (Paris), P. Nylen (Stockholm), H. Seppik (Tallinn), Jan van Schoor (Antwerpen), Kenelm Robinson (London), K. R. C. Sturmer (London), R. Schwartz (Paris), Leono Zamenhof, Felikso Zamenhof, Lidja Zamenhof, E. Wiesenfeld (ĉiuj en Warszawa), Zahari Zahariev (Sofia).*

**Averto:** Manuskriptojn la redakcio ne redonas. La rajton, fari en ĉiu ensendita manuskripto stilajn korektojn la redakcio rezervas por si, se la verkinto aŭ tradukinto anticipe ne protestas. Por la publikitaj artikoloj, faritaj por la rubriko Observo, L. M. pagas sen kliŝo 10.— pengojn, kun la prunta alsendo de necesaj kliŝoj 15.— pengojn. La kostojn de la kliŝosendo kovras LM.

La redakcio akceptas nur unuflanke maŝinskribitajn artikolojn kun sufiĉe larĝaj marĝeno kaj liniaj interspacoj. Escepte tamen estas akceptataj manuskriptoj kun *desegnitaj* aŭ tre klare skribitaj literoj.

Aperos baldaŭ! Aperos baldaŭ!

# TRANS LA FABELOCEANO

Novelaro de

## Francisko Szilágyi

128 paĝa, ilustrita, sur belega papero.

Broŝurita Uŝa dolaroj 0.60

Bindita Uŝa dolaroj 1.—

Aldonu 10% por sendkostoj

Eldonas: **Literatura Mondo,** Budapest, IX., Mester-u. 53. V. 7. — Ricevebla ankaŭ ĉe niaj reprezentantoj kaj ĉe la seriozaj librovendistoj.

# ĈU VERE?

## EN OKCIDENTO NENIO NOVA?

**SE** — vi volas esti plej bone informata pri la progreso de la Esperanto-movado en Ameriko,

**SE** — vi volas fariĝi sperta pri la plej modernaj reklam- kaj propagand-metodoj aplikataj en Ameriko, por prosperigi vian lokan movadon,

**SE** — vi volas pensflugi trans la obstinajn barojn por koni la verajn morojn kaj vivon de la homecaj Amerikanoj per Amerika Esperanto-Literaturo,

**SE** — vi volas ekzerci vian scion de la angla lingvo per paralelaj Esperanto-anglaj legaĵoj.

ABONU la plej viglan nacian Esperanto-gazeton

**AMERIKA ESPERANTISTO**

Jarabono 1.— dolaroj

ĉe

**ESPERANTO-ASOCIO DE NORD-AMERIKO**

Fort Lee, N. J., U. S. A.

Petu specimenan ekzempleron

# SCIENCA GAZETO

## ESPERANTA

**Nova popularscienca gazeto kun la supra nomo estas eldonata tute en Esperanto kun la sekvantaj celoj:**

1. Utiligi Esperanton por disvastigi popularan sciencon en la tuta mondo.
2. Krei kampon kaj rimedon por utiligi Esperanton por praktikaj celoj, tiel indirekte propagandante Esperanton.
3. Kunligi ĉiujn esperantistojn kiuj interesiĝas pri sciencaj temoj.

La unua numero aperos ĉirkaŭ la 1-a de febr. 1932, kaj ni faros ĝin en la komenco dumonata kun la promeso ĉiumonatigi ĝin kiel eble plej baldaŭ sen plialtigo de la abonprezo.

Jara abono unu dolaro.

Provnumero du respondkuponoj.

Popularsciencaj artikoloj estas bonvenaj.

Sendu abonpagojn, artikolojn kaj komunikaĵojn al

**AMERIKA ESPERANTO INSTITUTO**

Madison, Wis., Usono.

El Eŭropo al LITERATURA MONDO, Hungarujo

# Skribu tuj

al la oficejo, por ke vi ricevu

**senpage**

la specimenon de la Esp. gazeto

# OOMOTO

Aperas ĉiumonate, en 30—48 paĝoj de 23×16 formato, sur bela papero presita kun multaj belaj bildoj

Ĝi estas la plej perfekta konigilo pri nova spirita movado *Oomoto*, kiu celas la reformon de l' mondo per Dia gvido por venigi veran pacon

Kaj ĝi plu havas *Japanan Kolonon*, en kiu pli ol 10 paĝoj da artikoloj kune kun belaj ilustraĵoj ĉiumonate prezentas Japanujon de ĉiuj flankoj

ABONPREZO por jaro: 2.40 Jeno, 4.80 Sv. Fr. aŭ egalvaloro

Vi povas sendi la abonkotizon pere de lokaj reprezentantoj aŭ rekte al la oficejo per poŝtmandato

**Oomoto Propaganda Oficejo**
**Kameoka, Kioto-Hu, (Japanujo)**

Pestvidéki Nyomda Vácon. Felelős szerkesztő: Bodó Károly. Felelős kiadó: Zöldy István.